DUA JARO
NUMERO 6 (9)
1923 JUNIO

# LITERATURA MONDO

REDAKTEJO
KAJ ADMINISTREJO
BUDAPEST VI, ANDRÁSSY-UT № 81

Responda Redaktoro:
D-ro TEODORO SCHWARTZ
*
Redakta Komitato:
JULIO BAGHY
D-ro KOLOMANO DE KALOCSAY
PAŬLO DE LENGYEL
PAŬLO BALKÁNYI
ADALBERTO BAYER
*
Sekretario:
ENDRE HEVESI



ELDONIS: GLOBUS PRESARTINSTITUTO A.S.

**NIA KUNLABORANTARO:** LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FIRENZE) JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAŬL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAŬL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA H. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (KIŜINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER



Ni petas la abonantojn kies abono jam finiĝis, bonvolu tuj renovigi la abonadon, sendante la pluan abonprezon rekte al ni (en monbiletoj per rekomandita letero) aŭ pere de niaj reprezentantoj. La grandega plialtiĝo de la pres- kaj paperkostoj devigas nin ĉesigi la sendadon de nia revuo al ĉiuj, kiuj ne renovigas sian abonon.

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto-eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Franz Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* R. Schwartz, 4, rue d'Hauteville, Paris.
*Germanujo:* Josefo Major, Altenburg, S. A. Hempelstr. 44.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona, Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitskaulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristianio.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

# REDAKTA ANGULO

Nian ĉefredaktoron, kies ĉefa principo de bona ĉefredakto estis: nenion publikigi en la gazeto de si mem, ni sukcesis konvinki pri tio, ke eble niaj legantoj jam estas scivolaj pri li kaj fine li, kun malespera gesto, transdonis al ni sian verkon premiitan ĉum la Internaciaj Floraj Ludoj en Manresa kaj rekomenditan de la Esperantista Literatura Asocio kun jenaj vortoj: Jen, havu, sed vi havas la respondecon! Ni esperas, ke niaj legantoj leginte la interesajn aventurojn de Dro Teo Schwartz, ne juĝos nin tro facilanimaj, ĉar ni ĝoje surprenis ĉi tiun respondecon.

* * *

Estas multfoje preskaŭ ĉagreno por ni, ke la personan interrilatiĝon kun niaj kunlaborantoj neebligas tiel grandegaj malproksimoj kaj tiamaniere ni povas nek manpreme gratuli pro frapanta verkajo, nek riproĉe alrigardi pro — nu, vi ja konjektas pro kio. Eĉ la portreton ni ne havas, estis kiu rifuzis sendi ĝin pro modesteco.

Pro ĉi tiuj ĉagrenoj ni esperas konpensi nin en la projektata teatra vespero en Nürnberg, kiun ni aranĝos ĉefe kun tiu ĉi celo.

Bonvenon tie al ĉiuj kunlaborantoj, abonantoj kaj ĝis nun ne abonantoj.

* * *

# PRI NIA LITERATURA LINGVO

DE PETRO STOJAN, L. K.



Se la maljunularo povus — se la junularo scius! — diras malnova proverbo kun nuanco de melankolio... Kaj la sama melankolio premetas mian koron, kiam mi pense foliumas malgrandan historion de nia movado. Ĉu ni ne povas kunigi la sperton de l' maljunulo kun la forto de l' junulo? Ĉu ni ne estos sufiĉe saĝaj por unuigi prudenton, senton kaj volon, ĝis nun izole starantajn? Se ni tion faros, nia kompleta unueco realiĝos sur la kampo de literatura lingvo, ĉar sole ĝi estas *Alfa* kaj *Omega* de nia movado, sole ĝi povas ree flamigi malnovulojn, altiri novulojn.

Ĉiu vera lingvo estas spegulo de la mondo, ĉiu viva langaĵo estas bildo de la animo de ĝiaj uzantoj. Ĉar finfine la lingvon elforĝas la uzantoj mem, kiel la perlomolusko elkreas sian konkon. La ideoj naskiĝas kaj mortas kiel la uloj. La unuaj Esperantistoj estis varmigataj de la ideo mem, tiuepoke nova kaj freŝa; malgraŭ la primitiva Esperanto, pala kaj mallerta, ili ardis kaj entuziasmiĝis, ĉar tia ja estas la infanaĝo. Post 30 jaroj, la ideo mem iom malnoviĝis, kaj nun la praktikado de nia lingvo altiras la atenton de la pioniroj. Sed tiu aplika agado estas kvazaŭ la korpo de nia afero, kies animo restas la lingvo mem, la literatura kaj poezia lingvo.

Esperanto de la 1887—89-a ŝajnas iomete mallerta apud tiu de la 1905-a, kaj tiu lasta aspektas — en kelkaj punktetoj — malpli elasta ol nia nuna lingvo. Ni ja progresetas! Jes, tre malrapide... tamen ĉiam ni antaŭeniras, ĉar ni vivas. La progreso... ĝi signifas la disvolvon, la fortiĝon, la boniĝon... Ne ĉiu ŝanĝo estas progreso. Kiel ĉiam, inter la noveĝermintaj folietoj — sur la trunko de nia juna arbo — aperis parazitaj likenoj kaj surkreskaĵoj, kiuj sin nutras per sukoj de la arbo, nenion redonante al ĝi. Nenecesaj radikoj, monstraj vortoj, maltaŭgaj esprimoj . . . estas tiuj parazitoj. La amanta okulo de l' poeto, la delikata orelo de l' fidela kaj klera amiko — tuj distingas la parazitaĵojn de la arbofolietoj, kaj tiu distingo gardas la sanon de l' juna arbo Esperanta.

Sed la sano de l' arbo ne estas garantiata per la forigo de l' parazitoj, ĝi venas de la tero, de la pluvo kaj vento, de la suno. Kaj tiu tero estas nia popolo, tiu pluvo estas nia agantaro, la vento estas nia spirito, la suno estas nia verkistaro! Esperanto kreskas, kiel kreskas ĉiu arbo; kaj kie estas tiu frenezulo, kiu deziras ŝtoniĝon de nia lingvo? Kie estas la malprudentulo, kiu proklamas nian lingvon matura, preta, perfekta? Se li ie ekzistas, li similas orientan ĝardeniston, kiu artifike haltigas kreskon de la kverko, por ĝin nanigi, kaj montri al la publiko kverkon en florpoto! Nanaj spiritoj revas pri nana lingvo, tio estas komprenebla. Sed la Esperantistaro deziras normalan Esperanton, vivan, sukoplenan, foliriĉan, ne ombron palan de lingvo.

Ni lasu poetojn kanti kaj novelistojn rakonti. Ni subtenu nian verkantaron akirante iliajn plej belajn verkojn, por ke ili donu al ni la pluajn, pli belajn. Ni preteriru fuŝverkantojn, por ke ili revenu al sia metio, se mankas literatura talento. Ni subtenu plibonan, ni bojkotu malbonan, por purigi nian movadon de l' facilfarantoj kaj tromemfiduloj. Ĉiu faru sian metion, ĉiu fosu sian sulkon!

La literatura kampo atendas grandan plugadon. Nia literaturo estis ĝis nun nur infana ludo en nekulturita kampo.

Grandaj laboroj estas venontaj, kaj nur tiam ni vidos fruktojn Esperantajn tie, kie nun aperas floretoj.

La literatura lingvo atendas siajn laboristojn. Mankas vortoj, esprimoj, parolturnoj. Verkoj originalaj, tradukoj, versaĵoj, prozaĵoj, ... ĉio estas bezonega en granda kvanto, por ke la lingvo pliriĉiĝu kaj plielastiĝu per certa vojo. Kaj la legantaro tenas en siaj manoj la sorton de la lingvo. Se ĝi subtenos verkantojn kaj eldonantojn de meritaj literaturaĵoj, ĝi subtenos la disvolvon de nia juna Esperanto, jam beleta kaj kapabla iĝi vere bela, post belaj agoj kaj laboroj.



# ERIKO



JAN VRBA



Tuj sub la supro de la monto apud Dražinov troviĝas longa, sed mallarĝa senarbigita loko, kuranta krude supren, laŭ la deklivo — kaj tio estas la loko, kie mi ple je ŝatas sidi embuskante ĉasaĵon, kiam la somero jam forte *sin klinas al aŭtuno.* Sed ne pro tio, ke tra tie ofte iradas leporoj kaj ke tra tie preterpasas bela kapreolaro. Io tute alia logas min ĉi tien — floranta eriko.

Multego da ĝi estas ĉi tie, la tutan senarbejon de supre ĝis malsupre ĝi kovras kiel densa tapiŝo, kiu diversloke havas grizajn makuletojn, kiujn trabrilas la nuda tero tiel, ke aspektas kvazaŭ la tapiŝo estus tie truita pro la tro ofta preterpasado de la ĉasbestaro. Sed ne estas tro multaj tiuj lokoj. La cetera surfaco estas ĉie malhelverda, kaj en ĝi estas enteksitaj grandaj insuloj de rozkoloraj kaj iom violetaj floroj ... Kaj ĝuste tiuj ĉi florantaj insuloj estas tio, kio min tiel logas ĉi tien.

Mi sidadas tie ĉi preskaŭ ĉiun tagon sur la rando mem de la erika tapiŝo, proksimume en la mezo de ĝia longo, ĉar tie ĉi la loko estas la plej konvena. Pina densejo de juna arbaro ŝirmas mian dorson kaj enkuras per kelke da arbetoj sur la senarbejon tiel, ke estas kreita ĉi tie bela kaŝejo ĉirkaŭ granda, muske kovrita ŝtono, sur kiu la sido estas preskaŭ tiel oportuna, kiel sur apogseĝo. Kaj sidiĝinte tien, oni perdiĝas por la tuta mondo, kaj se iu estus rigardante ĉi tien eĉ plej atente, li neniun vidus, ĉar sidiĝinte mi levas la kolumon de la surtuto por kaŝi la malharmonian blankon de la tola kolumo, kaj la ĉapelon kun larĝa verda rubando mi tiras malsupren sur la frunton por ombri ankaŭ la vizaĝon.

Kaj plej multe el ĉio mi amas la momenton, kiam en malproksimo subiras la suno, frenezante sur la vasto de l' ĉielo en sanga ĉielruĝo. Se troviĝas tiutempe sur la ĉielo kastelformaj nuboj, ili ŝanĝiĝas je grandegaj blokoj de ardanta kupro, — se ili estas nubetoj similaj al ŝafaro, *ili* ŝanĝiĝas je eta splitaro de rozkolora ŝtono, per kiu la ĉielo poste estas kovrita kiel bone riparita landvojo, pri kiu zorgas *diligenta vojisto ...*

Sed tio tute ne ankoraŭ estas ĉio. La ĉielo estas ja bela en tiu momento, sed multe pli bela estas la tero. Silentiĝas sur ĝi la zuma bruado de l' insektaro, kaj sur mian mallarĝan kaj longan senarbejon sin reflekte metas rozkolora duonlumo, similanta plej malpezan vualon. Roza ĝi estas sole komence. Post nelonge ĝi jam ete vualiĝas — kaj en tiu momento la florantaj insuloj de la eriko ekkantas per tiel delikataj kolornuancoj, ke ĉiu pentrista paletro estas tro malriĉa por povi tiun ĉi kanton por eterne konservi sur tolpeco — kaj ankaŭ certe ne ankoraŭ naskiĝis tiel genie lerta pentristo, kiu kapablus reprodukti tiun ĉi ekdiboĉon de koloroj en la mallonga momento, dum kiu ĝi daŭras ... Ĉar post kelke da sekundoj la rozan koloron komencas venki la blua, siavice tiel eta, ke ĝi similas plie delikatan nuancon nebulan ol tonon de koloro.

Kaj kiam ankaŭ tio okazis, eksonas kanto de la floranta eriko. Ĝi estas tiel delikata kaj susura sonado, kvazaŭ ekbalanciĝus sur la graciaj trunketoj ĉiuj etaj floretoj kaj interfrapiĝante sonigus flustre obtuzan tonon de violono. Mi ne scias, sed ŝajnas al mi ĉiun fojon, ke mia longa, mallarĝa senarbejo sonor-

igas al si mem por antaŭnokta preĝo... Sed tiu ĉi senbrua, delikate sonanta kanto de la floranta eriko havas ankoraŭ multe pli profundan signifon. Ĝi estas kvazaŭ signalo por la ĉasbestaro ne plu timi, sed eliri el la densejo, ke ne plu minacas danĝero, ĉar la krepusko tiel densiĝis, ke eĉ se ie proksime sidus ĉasisto, nenion li povus fari pro tio, ke la krepusko kovros lian celiton, sidantan sur la rando de la platajeto inter la pafiltuboj, kvazaŭ ĝin kaŝus karesantaj manoj...

Kaj vere, la kapreoloj kaj leporoj senhezite kredas al la kanto de la floranta eriko...

Apenaŭ ĝi aŭdiĝis, subite plena je bruo estas la densejo post mia dorso. Tri paŝojn maldekstre, el sub pineto, elsaltas juna ĉijara leporo, ankoraŭ tiel senscia, ke neeble reteni senbruan ridon — kaj tiu, apenaŭ farinte dek saltojn, tiajn malrapidajn kaj malviglajn, haltas stariĝante dupiede kaj plene montras la blankan malsupron de la korpo, ne sciante ke ĝi tiel havigas al mia pafilo celon, tro certan eĉ en la vespera krepusko... Kaj apenaŭ ĝi forsaltetis en la mezon de la senarbejo, jam supre dekstre — en distanco, kien infano ĝisĵetus ŝtonon — la densejo disiĝas kaj el ĝi atente eliras kapreolino kun sia ido kaj ilin sekvas, sentime kaj fideme, fiera kapreolo forkokorna, bone scianta, ke la ino ne estus elirinta, se la aero ne ŝajnus al ŝi sufiĉe pura...

Tio estas la momento, kiam la maldekstra okulo propravole sin malfermetas kaj pro alfluo de sango naskiĝas ia tiklado en ambaŭ manoj, kiam la pafilo propravole glitas en la manojn kaj la dekstra montrofingro sin ŝovas sub la arketon por sin meti sur la risorton de la malstreĉilo... Sed mi ne scias, kial en tia momento trafas min preskaŭ ĉiam la malagrablaĵo, ke mi sentas, kvazaŭ varma kaj mola manplato sin metus sur mian mandorson — kaj kvazaŭ la alia min ekkaresus sur la hararo, same kiel tion faris mia mortinta patrino, kiam mi estis ankoraŭ malgranda kaj bona knabeto... Mi scias ĉiam, ke tio estas sensencaĵo — precipe la karesado je haroj, ĉar mia ĉapelo firme sidas sur ili — sed kio helpas?... Se tio ne estus, kiom da ĉasbestojn mi estus jam mortiginta!...

Tial ankaŭ ne plaĉas al mi tia embuska ĉasado, en kiu la aliaj ĉasistoj akiras multajn senpenajn sukcesojn. Al mi plaĉas sole ŝtelirado, serĉirado tra la arbaro, la kata sovaĝado, postulanta ekstreman streĉon de ĉiuj sentoj kaj linkan atentemon, la liberigo de la plej alta intenseco, kian devis disvolvi la pratempa ĉasanto havante en la mano ankoraŭ tre neperfektan armilon. Kaj nur tiam, en tia subpremo de ĉio cetera, mi kapablas pafi.

Sed estas nenio por bedaŭri, ĉar en tiu okazo estas gloraj la pafoj, ke ne bezonus honti pro ili riĉebarba arbaristo, kiu estas jam tiel makulita per la fluigita sango, ke eĉ lia vango brulas sur la senkavaj lokoj, kiel ĵus martelita kupra kaldrono...

Jam unu semajnon mi sidadas — kaj hodiaŭ mi denove sidas sur mia amata loko...

Estas ankoraŭ frue, kaj tial la insuloj de la floranta eriko antaŭ mi ĝuas la varmon de la suna brilo. La tuta longa senarbejo dancas sur ĝi kantante al sia danco. La abeloj estas ekscititaj kiel fraŭlinoj venintaj la unuan fojon al balo, kaj super la malhele verdaj lokoj en la eriko, flugante de unu floranta insulo al la alia, ili treme brilas kiel oraj fajreroj. La burdoj, siavice, estas dancantoj tre mallertaj, kiuj ŝatas maksimume ian malrapidan melodion kaj tial ili ŝanceliras en siaj peltoj de unu floro al la alia, en malrapidaj kaj malviglaj duonrondoj. Sed ankaŭ ili grumble kantetas kaj estas gajaj kiel konvenas...

Sed tio tute ne estas ankoraŭ ĉio.

En la supra angulo de la senarbejo, knabino en ruĝa jupo forfalĉas altan herbon inter la arbetoj, kantante por si gajan kanton pri la knabo, kiu post vespera krepuskiĝo venos sub la fenestreton por ŝin voki. Kaj kiel la



Willy Pogány:
Ilustr. por la verko: „The Rubaiyat of Omar Khayyam"

abeloj kaj la burdoj, ankaŭ ŝi dancas tie supre, kaj ŝia falĉilo gaje ekbriladas en la malproksimon...

Kaj ĉiu ĉi agado sur la tuta senarbejo — miaj vidvolaj okuloj, dancoj de la burdoj kaj abeloj kaj la kanto de la knabino tie supre — ĉion ĉi kunigas unusola io: dolĉe sveniga kaj tamen tiom agrabla odoro de la floraj insuloj de la rozkolora eriko . . .

Tiu ĉi odoro!

Kiel multe ĝi okupis jam la kapojn de la homoj . . . La unuj diras pri ĝi, ke ĝi servas al la floroj por logi al ili de malproksime la insektojn, kiujn la naturo komisiis per tasko de amaj perantoj kaj kiuj transportas de unu floro al la alia la amajn kaj fruktigajn kisojn . . . La aliaj skuas la kapon dum tia klarigo aldonante konvinke, ke tio estas malĝusta opinio, ĉar — laŭ ili — la odoro estas vegetala produktaĵo kaj samtempe nutraĵo — kaj ili parolas ĉe tio ion pri analogio kun karboksido . . . Aliaj estas asertantaj ree ion alian, kaj la ceteraj ankoraŭ ion malsaman...

Dio pardonu al ili, al ĉiuj ĉi scienculoj, kiuj finfine faras nenion alian ol konfuzas la kapojn de la homoj, kiel antaŭe konfuzadis ilin la pastroj. Estas ja tia ordo sur la mondo, ke ĉiam devas ekzisti homoj vivantaj per homa kredemo, same kiel la aliaj, kiuj volas esti trompataj ĉiuokaze. — Mi ne riproĉas la unuajn nek la aliajn.

Sed mian erikon ili tamen devus lasi en trankvilo. Kiel malhelpas ilin ĝia odoro? — Logaĵo por la insekto? — Sensencaĵo!

Produktaĵo kaj samtempe nutraĵo? — Alia sensencaĵo, ankoraŭ pli granda . . .

Ha, estus tiel bone demandi iun sciencan sinjoron, kial la abelo kantas al si kaj kial la burdo zumas, kiam ili paŝtas sin . . . Kial la knabino, tie supre, kantas pri sia knabo, falĉante herbon . . . Kaj kial mi ĉi tie sidas kaj rigardas al ĉio per ekstazaj okuloj, tute febra, preskaŭ same kiel fianĉo en la edziĝa nokto al la fianĉino senvestiganta sin . . .

Mi ne scias, kion li dirus, sed mi estas certa, ke estus en tio logaĵo, produktaĵo kaj ankaŭ nutraĵo — kaj tre eble, ke estus parolo ankaŭ pri la karboksido . . . Mi tiel meditas, mi meditas, rigardas al la rozkolore florantaj insuloj, mi vidas la svarmon de la dikaj burdoj kaj graciaj abeloj kaj mi aŭdas de l' supro de la deklivo la neĉesantan kanton de la falĉanta knabino en ruĝa jupo . . .

Kaj mi ridetas silente, ĉar mi scias . . .

Ke la eriko floras kaj odoras, ke la abeloj kaj la burdoj dancas kantante, ke la knabino, tie supre, ĝoje kantas dum muzikfesto same tiel, kiel hodiaŭ ŝi kantas pri sia knabo — kaj ke ŝi ekkriados des pli forte, ju pli forte la knabo ŝin ekpremos en dancrondo — ke ĉio ĉi estas nenio alia ol nuraj kaj simplaj — manifestoj de la pleneco de l' vivo.

El la ĉeĥa: RUDOLF HROMADA

---

JAUME GRAU CASAS

PREMIITA EN LA IX-A INT. FLORAJ LUDOJ




*

De trapasanta belulin'
en mia kor' la bildo restis.
Ŝi dum momento ravis min
kaj ho malĝoj'! tuj reforestis.

Sed dum moment' en mia kor'
naskiĝis ĝojo kaj admiro.
Pri ŝi vivadas rememor'!
Pro ŝi turmentas min sopiro!

Dolĉa rigardo ravis min,
gracia gesto,
kaj pli ol tiu de reĝin'
hela majesto.

Ŝiaj okuloj — fajra ard' —
malgraŭ nigrec' montriĝis lumaj.
Ŝia vizaĝ', ŝia rigard',
je am-odor' estis parfumaj.

Ŝi pasis for kvazaŭ vizi'
ekforprenante mian volon.
Pro mia ĵusa ampasi'
mi falis tuj en senkonsolon!

Dolĉa rigardo ravis min,
gracia gesto
kaj pli ol tiu de reĝin'
hela majesto.

Belmova paŝ' — milda promen' —
donis al ŝi palman gracion,
noblecon havis la mien',
la tuta korpo harmonion.

Ŝia belec' en malproksim'
iom post iom malaperis,
kaj mia korpo kaj anim'
pro amaj vundoj eksuferis.

Dolĉa rigardo ravis min,
gracia gesto,
kaj pli ol tiu de reĝin'
hela majesto.

*

Radia ĉarmo kaj majest'
estis por mi feliĉ-promeso,
kaj la graci' de ŝia gest'
ŝajnis al mi milda kareso.

Sed ve! la kara belulin'
restis por ĉiam — fantazio!
La cel' de mia korinklin'
konstante estis — l' *Iluzio!*

En persekut' de l' *Iluzi'*
mia junec' kaj viv' elfluis,
kaj de l' nektar' de l' Ampasi'
eĉ unu guton mi ne ĝuis.

Do ĉar la revo iĝis jam
mia dolor' kaj mia forto,
ke l' Iluzio pri la Am'
min akompanu ĝis la Morto.

Dolĉa rigardo ravis min,
gracia gesto,
kaj pli ol tiu de reĝin'
hela majesto.

SCENO-MONOLOGO

A. ĈEĤOV

# PRI MALUTILO DE L' TABAKO



PERSONO: IVANOVIĈ NJUĤIN, EDZO DE SIA EDZINO, ESTRINO DE MUZIKA LERNEJO KAJ DE KNABINA PENSIONO

LA SCENEJO: PREZENTAS ESTRADON EN PROVINCA KLUBEJO

NJUĤIN

*(kun longaj vangharoj, sen lipharoj, en malnova eluzita frako, eniras majeste, klinsalutas kaj malsuprentiras sian veŝton):*

Estimataj sinjorinoj kaj iamaniere estimataj sinjoroj. (*Li kombas la vangharojn*). Mia edzino ricevis proponon, ke mi faru tie ĉi, kun bonfara celo, ian popularan paroladon. Kio do? Parolado, estu parolado — al mi estas tute egale. Mi, kompreneble, ne estas profesoro kaj mi estas fremda al ĉiuj sciencaj gradoj, tamen jam tridek jarojn, mi povas eĉ diri, malutilante al mia sano kaj tiel plu, mi senĉese prilaboras demandojn de severe-scienca speco, mi meditas, kaj kelkfoje, imagu al vi, mi skribas sciencajn artikolojn, tio estas, ne tute sciencajn, sed pardonu la esprimon, kvazaŭ sciencajn. Interalie, en la lastaj tagoj mi skribis grandegan artikolon: „pri malutilo de kelkaj insektoj". Al miaj filinoj ĝi tre plaĉis, precipe pri la cimoj, sed mi tralegis kaj disŝiris ĝin. Estas ja tute egale: keli ajn vi skribos, sen insekta pulvoro ne estas eble. Ni havas cimojn eĉ en la fortepiano...

Kiel temon de mia hodiaŭa parolado mi elektis, tiel diri, la malutilon, kiun alportas al la homaro la uzado de l' tabako. Mi mem estas fumanto, sed mia edzino ordonis, ke mi paroladu hodiaŭ pri malutilo de tabako, do neniu vorto estas nun perdinda. Pri tabako, estu pri tabako — por mi estas tute egale, kaj al vi, estimataj sinjoroj, mi konsilas rilati al mia nuna parolado kun deca seriozeco, alie io povus okazi. Sed kiun timigas enua, scienca parolado, al kiu ne plaĉas, tiu povas ne aŭskulti kaj foriri (*malsuprentiras sian veŝton*). Precipe mi petas pri atento la ĉeestantajn sinjorojn kuracistojn, kiuj povos ĉerpi el mia parolado multajn informojn, ĉar la tabako, krom siaj malutilaj efikoj, estas uzata ankaŭ en la medicino. Ekzemple, se oni metas muŝon en tabakujon, ĝi mortas verŝajne, pro difektiĝo de nervoj.

Tabako estas ĉefe kreskaĵo... Kiam mi paroladas, mi kutime palpebrumetas per dekstra okulo, sed vi ne atentu: tio ĉi okazas pro eksciteco. Mi estas tre nervema ĝenerale, kaj palpebrumeti per dekstra okulo mi komencis en la 1889-a jaro, la 13-an de septembro, la saman tagon, kiam ĉe mia edzino naskiĝis, iamaniere, la kvara filino. Ĉiuj miaj filinoj naskiĝis la 13-an. Cetere (*rigardante la poŝhorloĝon*) pro manko da tempo ni ne deflankiĝu de nia temo. Mi devas vin atentigi, ke mia edzino estras muziklernejon kaj privatan pensionon, tio estas, ne ĝuste pensionon, sed ion similan. Inter ni dirite, mia edzino ŝatas plendi pri mizero, tamen ŝi iom ŝparis, proksimume kvardek au kvindek milojn, kaj mi nenion havas, eĉ ne unu groŝon — nu, kion ja paroli!... En la pensiono mi prizorgas la mastrumadon. Mi aĉetas provizaĵon, kontrolas la servistaron, enskribas elspezojn, kudras kajerojn, ekstermas cimojn, promenigas la edzinan hundeton, kaptas musojn... Hieraŭ vespere mi devis doni al la kuiristino farunon kaj buteron por hodiaŭaj flanoj. Nu, unuvorte, hodiaŭ, kiam la flanoj jam estis bakitaj, mia edzino venis en la kuirejon kaj diris, ke tri knabinoj ne manĝos, ĉar iliaj glandoj ŝvelis. Tiamaniere okazis, ke ni bakis kelkajn flanojn superfluajn. Kien ilin? La edzino unue ordonis forporti ilin en la kelon, poste ŝi pripensis, pensis kaj diris: „Manĝu tiujn ĉi flanojn vi mem, monstro". Kiam ŝi estas malbonhumora, ŝi min nomas monstro aŭ aspido, aŭ satano. Kia do satano mi estas? Ŝi ĉiam estas malbonhumora. Kaj mi ne manĝis, sed forglutis ne maĉante, ĉar mi ĉiam estas malsata. Ekzemple hieraŭ ŝi ne donis al mi tagmanĝon. „Vi, monstro, ne estas nutrinda..." Tamen (*li rigardas la horloĝon*) ni babilas kaj deflankiĝas de nia temo. Ni daŭrigu. Kvankam, sendube, vi nun pli volonte estus aŭskultantaj romancon, aŭ ian ajn simfonion, aŭ arion... (*kantas ion.*) Mi ne memoras el kie estas ĉi tio... Interalie mi forgesis diri al vi, ke, en la muziklernejo de mia edzino, krom mastrumado, mi estas devigata instrui matematikon, fizikon, ĥemion, geografion, historion, solfeĝion, literaturon k. t. p. Pro dancado, kantado kaj desegnado mia edzino ricevas apartan pagon, kvankam la dancadon kaj kantadon instruas ankaŭ mi. Nia muziklernejo sin trovas en Kvinhunda strateto, domo No. 13. Jen pro tio, verŝajne, mia vivo estas tiel malfeliĉa, ke ni loĝas en domo 13-a. Kaj niaj filinoj naskiĝis la 13-an, kaj en nia domo estas 13 fenestroj... Nu, ne estas ja parolinde! Por interparoli kun mia edzino oni povas ŝin ĉiam trovi hejme, kaj la programo de la muziklernejo estas aĉetebla ĉe la pordisto por 30 kopekoj po ekzemplero. (*Eltiras kelkajn broŝurojn el la poŝo.*) Jen estas kelkaj, se vi deziras. Ĉiu ekzemplero por 30 kop'! Kiu deziras? (*Paŭzo.*) Neniu deziras? Nu, por 20 kop'! (*Paŭzo.*) Malagrable. Jes, domo No. 13-a! Nenie mi sukcesas... mi maljuniĝis, stultiĝis... Jen mi paroladas, laŭ eksteraĵo mi ŝajnas gaja, kaj efektive mi dezirus ekkrii plengorĝe, aŭ forflugi ien malproksimen. Al kiu plendi? Mi neniun havas, eĉ se mi estas plorema... Vi diros: la filinoj... Kion la filinoj? Mi al ili parolas, kaj ili nur ridas... Mia edzino havas sep filinojn... Ne, pardonu, ŝajnas ses... (*Rapide.*) Sep! La plej aĝa havas 27 jarojn, la plej juna 17. — Estimataj sinjoroj! (*Ĉirkaŭrigardas.*) Mi estas malfeliĉa, mi fariĝis stultulo, neniaĵo, sed efektive vi vidas antaŭ vi la plej feliĉan el patroj. Se vi nur scius! Mi travivis kun mia edzino 33 jarojn kaj mi povas diri, ke ili estis la plej bonaj jaroj de mia vivo . . . ne tute plej bonaj, sed tiel . . . ĝenerale. Ili forflugis, unuvorte, kiel unu feliĉa momento — verdire, diablo ilin tute forprenu! (*Sin returnas*). Cetere ŝi ankoraŭ, ŝajne, ne venis, kaj mi povas paroli pri kion ajn. Mi treege timas . . . mi timas, kiam ŝi min rigardas. Jes, do mi diras: miaj filinoj tiel longe ne edziniĝas verŝajne tial, ke ili estas tre modestaj kaj ke viroj neniam vidas ilin. Aranĝi societvesperojn mia edzino ne deziras, por tagmanĝo ŝi neniam invitas, ŝi estas virino avarega, kolerema, insultema — tial neniu vizitas nin, sed . . . mi povas diri al vi sekrete (*proksimiĝas al la antaŭscenejo*) . . . La filinoj de mia edzino estas videblaj je gravaj festotagoj ĉe sia onklino Natalja Semjonovna, la sama, kiu suferas pro reŭmatismo kaj surhavas tian flavan robon kun nigraj makuletoj, kvazaŭ ĝi estus surŝutita per blatoj. Tie oni povas manĝi. Kaj kiam tie malestas

mia edzino, tiam oni povas eĉ tion ĉi . . . (*Klakas je sia kolo.*) Mi devas rimarkigi, ke mi ebriiĝas post unu glaseto kaj tiam en la animo fariĝas tiel bone kaj samtempe tiel malĝoje, ke mi ne povas eĉ esprimi; ial revenas en la memoron la junaj jaroj kaj ial venas deziro forkuri; ha, se vi scius, kia deziro! (*Ekscitite.*) Forkuri, ĉion lasi kaj forkuri senpripense . . . kien? Tute egale, kien ajn . . . nur forkuri de tiu ĉi malbela, vulgara, malŝatinda vivo, kiu min transformis en maljunan, bedaŭrindan stultulon, maljunan, bedaŭrindan idioton — forkuri de tiu ĉi malsaĝa, malvastanima, ĉiam paroladas kun bonfara celo . . . Jen havu! (*Piedpremas la frakon.*) Jen ricevu! Mi estas maljuna, malriĉa, mizera, kiel ĉi tiu veŝto kun sia eluzita dorso . . . (*Montras la dorson.*) Nenion mi bezonas! Mi estas pli alta, pli pura ol ĉi tio, mi iam estis juna, saĝa, mi lernis en universitato, mi revadis, mi min konsideris homo . . . Nun mi nenion bezonas! Nenion krom ripozo . . . krom ripozo! (*Rigardante flanken, rapide surmetas la frakon.*) Tamen, en la kulisoj staras mia edzino . . . ŝi venis kaj atendas min tie . . . (*Rigardas la horloĝon.*) Jam pasis la tempo . . . Se ŝi



Trio (Kliŝaĵo „Müvészet")

kolera, kolera, kolera avarulino, de mia edzino, kiu min turmentis dum 33 jaroj, forkuri de la muziko, de la kuirejo, de la edzina mono, de ĉiuj ĉi bagatelaĵoj kaj malnoblaĵoj . . . kaj halti ie malproksime meze de l' kampo kaj stari kiel arbo, fosto, legomĝardena pajlmonstro, sub la vasta ĉielo, kaj rigardi dum tuta nokto, kiel pendas super la kapo la klara, trankvila luno, kaj forgesi, forgesi! . . . Ho, kiel mi dezirus nenion memori! . . . Kiel mi dezirus forŝiri de mi tiun ĉi malbenitan, maljunan frakaĉon, en kiu mi edziĝis antaŭ 33 jaroj . . . (*Forĵetas la frakon.*) En kiu mi demandos, mi petas, bonvolu diri al ŝi, ke la parolado estas okazinta . . . ke la monstro, tio estas mi, sin tenis kun indeco. (*Flankenrigardas, tusetas.*) Ŝi rigardas ĉi tien . . . (*Per pli laŭta voĉo.*) Elirante el tiu tezo, ke tabako entenas teruran venenon, pri kiu mi ĵus estis parolanta, oni neniuokaze devas fumi, kaj mi permesas al mi iamaniere esperi, ke ĉi tiu mia parolado „pri malutilo de tabako" alportos sian utilon. Mi ĉion diris. Dixi et animam levavi! (*Salutas kaj majeste eliras.*)

El la rusa: P. MEDEM.

# LA RUĜA CIGNO

POL DE MONT*)

Ĉagrenite, sur trotanta
la ĉevalo grizmakula,
rajdis je la vesperiĝo,
al trankvila la vigvamo,
de la ĉas' Odjibva hejmen.

Malkontenta, senkuraĝa,
laca sentis sin Odjibva...
Sur larĝfrunta lia kapo,
nigrabukle ĉirkaŭata,
pendis suben la strutplumoj,
malstreĉitaj kaj senbrilaj,
iam rektaj kiel kreto.
Antaŭ li, sur la ĉevalo,
kuŝis nek kapret', nek vulpo;
kaj ankoraŭ plenaj pendis
sur la ŝultro la sagujoj.

Kun la lanco en la mano,
silentante li revenis,
spionante ĉu ne birdo,
nizo, aglo aŭ vulturo,
el la arboj suprenflugas...
Kaŝe li rigardis ĉien,
sed subite la okuloj
estis kvazaŭ blindigitaj
per brilanta, ruĝa helo.

Estis ne la vespersuno,
subiĝanta en la akvon,
ruĝa kvazaŭ la flamingo,
kiu malrapide flugas
hezitante sur la neston...

Estis ne la plena luno,
el malhela mar' levanta
sian ruĝan diskon, kvazaŭ
la tapir' vundita sian
sangan kapon el la akvo.

Antaŭ li, ĉe l' arboj, kuŝis,
meze de nebuloj bluaj,
lago kvazaŭ dormeganta;
kaj, jen en la mez' de l'ago,
sur sensupra arbotrunko,
radiante kvazaŭ suno,
sidis bela, ruĝa cigno.



La mirinda birdo sidis
trankvileme sur la arbo,
bekpikante en la dolĉan
lanugaron de l'flugiloj;
aŭ, tremante, pro plezuro,
banis ĝi la longan kolon
en la akvo, kaj sorbante
levis ĝi la bekon supren.
Je arkpafo de la birdo
staris kaj Odjibva revis:
„Ho, se trafus mi la birdon!
Se mi povus, kia ĝojo!
El la plumoj sunoruĝaj
farus kapan mi ornamon;
kaj la beston apud skalpojn
en vigvamo mi pendigus...“

Kaj de sia ŝultro prenis
li la arkon kaj ĝin streĉis.
ke la arkbastono krakis;
el la ujo li eltiris
sian plej pintitan sagon,
metis ĝin sur la tendenon.
ĝin altiris tiom forte
ke ĝi tuŝis la palpebron...
Tiam nur li ĝin delasis!

La tendeno vibris dum la
sago zumis tra l' aero;
sed la cigno sur la arbo
sidis same en trankvilo,
bekpikante siajn plumojn,
sin banante en la akvo.

Nun kolero kuŝis en la
brunaj trajtoj de Odjibva:
„Kaj mi tamen ja vin trafos,“
grumblis li, „ho bela birdo!“
Kaj denove la armilon
metis li sur la tendenon
kaj ekpafis... Dudekfoje
li ekpafis, ĝis la lasta
sago estis for...

Kaj same'
nur trankvile sur la arbo
sidis la mirinda birdo,
sidis jen la ruĝa cigno,
bekpikante siajn plumojn,
sin banante en la akvo...

Tiam, pale de kolero,
li eltiris el la ujo
sian magisagon kaj ĝin
sur la kordon metis...

Nepra
estos nun la pafo! Morte
la vundita bird' koloros
l' akvon per korsango sia...
Kaj li vidis sin vadanta
tra la malprofunda akvo
por ekkapti la akiron!

Kaj denove li altiris
la tendenon tiom forte,
ke ĝi tuŝis la palpebron...

Kaj ja certe li delasis!...
La tendeno vibris, dum la
sago zumis tra l' aero!
Klare la ĉasisto vidis,
kiel tra la kol' de l' birdo
boris la sagpinto, — sed la
cigno ne gutigis sian
sangon en la bluan akvon;
la flugilojn ĝi elstreĉis,
ilin etendante flugis
malrapide al la nordo,
ĝis subite sin returnis
al la ora horizonto,
kaj — dum mire ĝin rigardis
la ĉasisto konsternita —
brile kiel mem la suno
ĝi fandiĝis — en la sunon...

Kun permeso de l' poeto
el la flandra:
JAN VAN SCHOOR,
Antverpeno.

*) *Pol de Mont* naskiĝis en 1856; li estas la plej fama nuntempa flandra poeto. Krom multaj poemaroj, li verkis rimarkindajn studojn pri poezio kaj arto, kaj estas fervora folkloristo. Li estas krom tio bonega paroladisto kaj instigis la flandran popolon al amo por propra lingvo kaj batalado por propra kulturo. En „*Enkonduko en la Poezion*“ li detale klarigas sian opinion, ke la poezio ne vivas per ideoj; ke ĝi nur devas karesi la belemon; ke do la celo de la poezio estas la poezio mem kaj por tio la formo la ĉefa fakto. (*Noto de la tradukinto.*)

# KIEL ONI ALMILITAS LA VIRINOJN

MAŬRICO JÓKAI



Sinjorino, vi rifuzas mian fidelan koron jam depost du jaroj: mi ne povas plu elteni la turmentojn; vi ridas je mi kaj mi suferas. Do mi decidis ĉesigi la aferon kaj nun ankoraŭ unufoje, sed laste mi provos paroli serioze kun vi. Vi scias, kiel pasie mi amas vin.

— Mi ne scias, mi jam forgesis.

— Kvankam mi ripetas tion ĉiutage. Vi jam vidis min ploranta antaŭ vi.

— Ho jes! eĉ furiozi. Pri tio atestas rompita tenilo de mia porcelanvazo.

— Nu, kaj kiom mi jam aĉetis anstataŭ tiu?

— Sed mi neniam akceptis.

— Ĉar vi volas turmenti min. Sed nun ĉio jam estas finita. Nun mi venis por tio, ke en tiu okazo, se vi ne mildiĝos kontraŭ mi, mi mortigos min ĉi tie antaŭ viaj okuloj.

— Ho! kiomfoje vi diris jam; nur almenaŭ unufoje vi farus.

— Sinjorino, ne ridu je tio! Ne estas tute tiel la afero, kiel vi pensas; nature, se mi prenus pistolon al mia tempio, vi ridus ĉiam ĝis la momento, kiam mi frakasus mian kranion, kaj tiam, kion utilus por mi via bedaŭro kaj kompato. Mi tre dankas. Sed ne tiel estas. Mi mortigos min antaŭ vi per malrapida morto; — pro malsato mi volas morti en via ĉambro. Havu la kruelan ĝojon vidi de horo al horo la mortadon de via plej fidela adoranto!

Post ĉi tiuj vortoj la memmortigonta adoranto sidiĝis sur kanapo kaj firme ĵuris, ke de la nuna momento eĉ unu manĝo-peco ne trairos sian gorĝon, nek li eliros la ĉambron.

*Clarisse*, la bela vidvino, ekridegis je tiu ĉi bizara originaleco kaj ridante lasis la adoranton en sia ĉambro, sciante tute certe, ke en la tempo de l' vespermanĝo li ja forlasos sian lokon. Ŝi mem iris por promeni kaj nur malfruvespere venis hejmen.

La ĉambristino diris al ŝi, ke eĉ nun estas ja ĉi tie tiu sinjoro.

*Clarisse* nun jam koleriĝis kaj eniris al li.

— Sed sinjoro, ĉu via prudento vere foriris? Ĉu vi volas eĉ dormi ĉi tie?

*Clarisse* ne volis esti maldelikata, do ŝi mem iris en la najbardomon por dormi, lasante la obstinan adoranton en la ĉambro.

La sekvintan matenon ŝi hejmeniris pensante: eble nun jam finiĝis la malbona ŝerco. La adoranto eĉ nun sidis tie.

— Sinjoro, ĉi tio jam estas impertinento! Vi forpelas min de mia domo; vi donas okazon al la ĉikano por pribabili min, vi faras min tute nervoza. Iru for, antaŭ ol mi vere ekkoleras!


Adalberto Markup: Amindumo

— Mi jam diris, ke ĉi tie mi volas morti.

— Ĉu ne prefere en la infero! Estas por vi la Danubo, se vi volas morti; sed iru jam de tie ĉi!

— Ne, ĉi tie mi volas morti.

— Do, jen estas penicilo, tranĉu vian kolon, se via mortvolo estas tiel nepra!

— Ne, tion mi ne faros.

*Clarisse* furore kuregis el la ĉambro kaj ŝlosis la pordon. Ŝi estis ja tute certa, ke la malsato forpelos lin!

Ĝis la venonta mateno ŝi eĉ ne pensis pri li. Sed proksimiĝante al la tagmezo ŝi tamen ne povis trankvili. Ĉi tio tamen estas iom troa ŝercaĵo. Ŝi eniris al li. La kavaliro langvore klinis la kapon sur la kanapkusenon. Jam dum du tagoj li manĝis nenion.

— Sed je la amo de Dio, kara amiko, tiu ĉi estas terura ŝercaĵo de vi! Ne faru stultaĵon! Kion vi volas?

— Sinjorino, mi diris, kion mi volas, — ĝemis li kaj la kapon klinis aliflanken, fermante senfortiĝinte la okulojn.

*Clarisse* tute ne povis imagi, kion ŝi faru, kiel ŝi rompu tiel teruran obstinecon. La trian tagon — ne povante jam kontraŭstari sian maltrankvilon — ŝi alportis propramane por li tason da supo.

— Nu, kara amiko, ne ŝercu jam, jen estas iom da supo; vidu, mi mem alportis, estu bona, gustumu ĝin!

— Hm! Supo? — ekparolis malŝate la amanto — ĉu mi bezonas supon, kiam mi volas morti?

Kaj vere, li jam apenaŭ povis movi sin, liaj okuloj enprofundiĝis, lia vizaĝo iĝis pala kaj malgrasa kaj en lia rigardo estis io antaŭmorta. Ĉi tiu ja vere volas morti.

Jam alvenis la kvara tago kaj la amanto eĉ nun ne kapitulaciis. Estas mirinda sieĝo, kie la okupanta armeo malsatas por kapitulaciigi la gvardion de la fortikaĵo.

*Clarisse* jam preskaŭ malesperis. Tiu homo jam apenaŭ spiretis. Kion ŝi faru al li? Eble li eĉ mortos ĉe ŝi! Kiel terura skandalo estos, se viro mortigos sin per malrapida malsatmorto, kaj ŝi devos vidi tion! Kiel ŝia animo povos elporti tion? Kiel ŝi povas surpreni la scion, ke vidante dum kvar tagoj homon mortadantan pro malsato ŝi ne prezentis al li helpon!

Ŝi ja volonte donus al li kian ajn bonaĵon, sed li ja rifuzas ĉion; li ja ne volas manĝi!

Sed li tamen estas eksterordinare animforta homo, kiu tiel povas agi pro ama malespero. Tio ĉi estas grandioza pruvo de la plej varmega amo! Fine oni ja devas estimi tiun ĉi homon. La morto de tia homo vere estas domaĝo.

— Nu, kara amiko, denove mi alportis por vi la supon. Nu, malfermu la buŝon, permesu enverŝi ĝin!

La malfeliĉa adoranto jam ne povis paroli, faris nur kapsignon, ke li volas nenion.

— Sed do, Dio mia, mi ne volas, ke vi mortu!

La sinmortiganto ektiris la ŝultrojn. Li diris jam antaŭe sian opinion.

*Clarisse* sidiĝis apud li sur la kanapon kaj kaptis lian manon.

— Estu saĝa, kara amiko, aŭskultu pri la serioza vorto!

La adoranto mildigis sian palan vizaĝon je malĝoja rideto.

— Sed do, mi ja amas vin, nu . . .

Dume *Clarisse* ĉirkaŭprenis lin kaj por ke ŝi povu malfermigi liajn lipojn, — nu, kion fari, — ŝi kisis lin.

Je tio la sinmortigonto kunigis sian lastan forton por rekisi la obstinan kapitulacianton, — sed tuj poste li rapidis senprokraste manĝi la supon.

Ankoraŭ unu tago kaj jam nek supo, nek kiso estus povinta helpi lin.

Dum unu semajno li resaniĝis kaj post du semajnoj ili fariĝis edzo kaj edzino.

Kaj *Clarisse* neniam devis pripenti, ke ŝi lasis sin konvinki de li. Oni ja ne povas el ĉiu arbetaĵo elsaltigi tian heroismon de amo.

Cetere, mi konfesas sincere, se mi devus elekti tiun ĉi metodon, mi estus sufiĉe saĝa por enpoŝigi kelkajn bulkojn; mi ne scias, ĉu ankaŭ la obstina adoranto ne praktikis la saman artifikon?

El la hungara: KARLO BODÓ

---

# SINJORO MELONKAPO

JULIO BAGHY



Unu el la plej simplaj figuroj estis Sinjoro Melonkapo. Ĉi tiu nomo, moke donacita al li de siaj kolegoj, iom post iom preskaŭ forgesigis la oficialan. Nur malofte oni memorigis lin, ke antaŭ 26 jaroj li estis baptita Kazimiro Georgo Precko. La altruditan nomon li portis kun sama tolero silenta, kiel la ŝarĝojn de la ĉiutaga vivo.

Li estis modeste salajrita skribisto ĉe la departementestro. (Ho, la sinjoro departementestro estas vere altrangulo. Li havas kaleŝon kun du paroj da pursangaj ĉevaloj kaj li eĉ povas pruntepeti la aŭtomobilon de la grafa moŝto por eventualaj ekskursoj.) Sinjoro Melonkapo — ĉar de nun mi nomos lin tiel en la rakonto — havis sensignifan malaltan staturon. Lia ronda kapo, la haroj ĝisradike tonditaj, la malgranda pinta nazo, ĉiam ruĝa kaj ŝvitanta, la senĉese palpebrumantaj okuloj, fulgonigraj kaj senesprimaj, la trajtoj, en plena disharmonio aranĝitaj de la kaprica mano de la naturo, donis al lia vizaĝo komike seriozan aspekton. Li ŝajnis pli simpla, sensignifa ol estis efektive.

En lia naiva animo naskis la vivo tri dezirojn. En komenco li mem ne konsciis pri ili, sed poste la sonĝoj fariĝis revoj kaj iom post iom la revoj evidentiĝis realigeblaj deziroj. Tri modestaj deziroj de modesta homo: ofico por certigi la ekzistadon; bonkora edzineto por dividi la zorgojn kaj ridetanta infano por doni feliĉajn minutojn en la grizaj horoj de la laboro. Memkompreneble ĉio dependas de la providenco. (Ho providenco, kiom multe oni postulas de vi!)

Li estis enamiĝinta, sed konforme al la provizora ofico. La amata idealo estis servistino ĉe lia dommastro. Knabino kun ruĝaj manoj kaj kontuzitaj kubutoj. Ŝi ĉiutage vekis lin, alportante kun granda bruo,

du bulkojn kaj duonlitran poteton da lakto por matenmanĝo. Ŝi zorgis pri lia mizera kamero, kiun li nomis plenkontente „mia ĉambro".

Kelkfoje, dum la cindrulino de la domo lerte manumis la balailon, li sidis en la sola kaduka fotelo, kies risortoj jam de longe trapikis la ŝtofon, kaj kiam la knabino honteme mallevis siajn okulojn por ŝteljeti rigardon al la sinjoro de la kamero, li ĉiam respondis bonkore per embarasa rideto. Foje li fariĝis tre kuraĝa. Li ŝtelis kiseton, apenaŭ senteblan.

Lia amo estis laŭregula: en komenco rideto kaj poste — kiseto. La kisoj plioftiĝis, sed ili jam ne estis plu ŝtelitaj. (Laŭregule estas ja, ke nur la unua kiso estas ŝtelita.) Kion mi rakontu pri ilia amo? Ĝi estis simpla, ĉiam ripetiĝanta historio de ĉiu amo, ĉar foje ... dum bela aŭtuna vespero ... Eh mi ne volas paroli pri tio.

Oni diras, ke nuntempe ne okazas mirakloj. Granda eraro!

En iu mateno la bonfaranta morto silente fermis la palpebrojn de maljuniĝinta „aktovermo". La vakantan oficon okupis nia heroo Kazimiro Georgo Precko, dank' al la bonvolo de la departementestro. (Jen! Multfoje estas utile kun humila riverenco saluti la altrangulojn.) Tiamaniere la providenco plenumis la unuan deziron.

La nova situacio aliigis eĉ la sintenon de liaj kolegoj. Ili ne kuraĝis plu nomi lin sinjoro Melonkapo. Ankaŭ li mem aliformiĝis. La harojn li lasis kreski ĝis tia longeco, kiu ebligis laŭmodan frizuron kaj kun troa zorgo li penis fari elegantajn kravatojn el multkoloraj rubandoj. Eĉ lukson li permesis al si. Li mendis du novajn vestojn. (Unu estu por la festaj tagoj kaj la alia en la oficejo por konservi la oficialan dignecon!) Li fariĝis incitema en la laboro kaj pli kuraĝa en la revado.



Willy Pogány: Fresko en la New-York'a Popoldomo: „La monto el la profundo al la lumo"

Li pensadis pri edziĝo. Multfoje li rememoris pri la knabino kun ruĝaj manoj kaj kontuzitaj kubutoj kaj lia fantazio vagadis ĉiam pli kaj pli malproksimen. Li jam vidis sin, ke infano rajdas sur liaj genuoj kaj la hometo per graciaj manetoj tordas liajn lipharojn . . .

Havante novan oficon li luis ankaŭ novan loĝejon. Nur malofte li renkontis la modestan idealon. (Hja! Malnova vero, ke la ofico donas multe da laboroj, precipe, se la amata persono ne estas plu konvena al la nova situacio.) Verdire la amrilato de la modeste salajrita skribisto tute ne plaĉis jam al la sinjoro „oficisto".

Sed venis la providenco bonŝance (ĝi venas ĉiam bonŝance) kaj kondukis lin al amuzado dum la lasta tago de la jaro. Tie li konatiĝis kun instruistino, kiu ne havis tiutempe postenon. Ŝi estis grizokula, malaltfrunta kaj larĝbuŝa fraŭlino. Tuj evidentiĝis, ke „la sako trovis sian flikon".

Li zorge rigardadis kun oftaj palpebrumoj la delikatajn konturojn de la blankaj manoj. (Je Dio, ŝi havas vere belegajn manetojn. Tiajn manetojn havas nur la sinjorina moŝto de la departementestro, ke la Dio zorgu pri la saneco de ambaŭ.) Li ebriiĝis de la odoro de ŝiaj pomaditaj pajlokoloraj haroj kaj en lia animo malheliĝis la bildo pri la ruĝmana, glathara idealo.

Li komencis babiladon. Li parolis pri sia ofico, pri la nova salajroaltigo, pri la nova skribisto, kiu estas terure impertinenta. Foje li kuraĝis rememorigi lin, ke antaŭ nelonge sinjoro Kazimiro Georgo Precko estis ankoraŭ skribisto, kaj oni nomis lin sinjoro Melonkapo. Terura impertinenteco. (Sed kion fari? La nova skribisto estas nevo de la departementestro. Ha, se li ne konsiderus altvalora la amikecon inter li kaj la sinjoro departementestro, tiam li punus severe la petolan, senpripensan junulon.) Li parolis kaj parolis, ĝis fine li decidis kaj . . . svatis la fraŭlinon.

Ŝi iome mirante, iome surprizite pro la neatendita atako (Dio donu tian atakon al ĉiu fraŭlino!) iome ruĝiĝante donis respondon: *Jes!*

Baldaŭ okazis la edziĝa festo en intima familia rondo. Sinjoro Melonkapo — pardonu — mi preskaŭ forgesis, ke li estas jam oficisto — sinjoro Kazimiro Georgo Precko kvazaŭ naĝis en maro de la feliĉo.

En la antaŭurba kvartalo al alia sinjoreto portis ĉiumatene du bulkojn kaj duonlitran poteton da lakto — la servistino kun ruĝaj manoj kaj kontuzitaj kubutoj kaj . . . pro larmoj ruĝiĝantaj okuloj.

— — — — — —

Jam ŝajnis, ke la providenco plenumis nur duone la dezirojn de nia heroo (por senpaciencaj homoj ĉio ŝajnas duone farita), ĉar lia plej dorlotata deziro ne realiĝis. La silenton de la hejmo ne rompis ridado de infanaj lipoj.

Ĉio estis en ordo. Modesta kontenteco, paca kunestado karakterizis lian familian vivon. Ankaŭ la financa situacio pliboniĝis, ĉar oni elektis lian edzinon instruistino en elementa lernejo.

Malgraŭ ĉio, lia animo havis sekretan doloron, kiu senĉese turmentis lin. Ofte longajn horojn li pasigis en melankolio. Nedivenebla ĉagreno tranĉis sulkojn sur lia frunto kaj se oni parolis antaŭ li pri infanoj, tuj larman vualon tiris al liaj okuloj — ia stranga emocio. Ne unufoje okazis, ke promenante sur la strato li haltigis preterpasantan infanon. Kun malgaja rideto li profundiĝis en observo de la senkulpaj okuloj kaj ŝovis en la etajn manojn kelke da groŝoj por bombono. Poste, kvazaŭ rifuĝante de persekutanta penso, li kuris tien kaj reen de strato al strato.

Kvar jaroj pasis. Foje, dum plumbkolora novembra posttagmezo, reveninte el sia oficejo, li estis nekutime gaja. Li ĉirkaŭprenis kaj kisis sian edzinon tiel delikate, kvazaŭ pie, kiel en la unuaj tagoj de la edzeca vivo. Kun miro ŝi rigardis lin.

Li sidiĝis al la tablo por trinki tason da kafo. Kun oftaj palpebrumoj li petole ridetis al sia edzino. Lia rigardo estis milda, karesa kaj komprenon serĉanta, sed ŝi ne povis diveni, ĝian signifon.

— Strangan humoron vi havas hodiaŭ — ŝi rimarkis.

Anstataŭ respondo li salte leviĝis kaj premante al si la edzinon, li kisis kaj kisis ŝin.

— Nu, kion vi volas?

Por momento li embarasiĝis kaj residiĝis al la tablo. Silento. Subite, kvazaŭ eksplode, li ekriis. Lia edzino preskaŭ faligis la tason.

— Kiel vi opinius? — li komencis kun troa aplombo.

— Pri kio?

— Se Dio donacus' al ni infanon . . . ĉarman, bukloharan . . .

— Nu, jen! Vi denove plektas revon, kiu finiĝas ĉiam per amara kaj vana riproĉo.

— Ne! Neniam! Tio estas mia sola revo kaj ĝi devas, jes jes, devas realiĝi. Nu, edzinjo, mia kara, kiel vi opinius, se tio vere efektiviĝus?

— Vi konas ja mian opinion. Ankaŭ mi tre amas la infanojn, sed vi scias, ke neeble estas ĉe ni . . . neeble . . . Kion fari? Ho kiel malfeliĉa mi estas! Ho kiel . . .

Ŝiaj okuloj pleniĝis per larmoj.

— Sed eble! — li konsolis ŝin kun triumfa certeco.

La respondo surprizis ŝin. Kontraŭvole ŝi rigardis lian vizaĝon, kies mieno brilis de ĝojo. Ŝi penis diveni la penson, kiu ankoraŭ kaŝis sin en la naive revanta kapo de sia edzo.

Pro la subita silento kaj esplora rigardo de la edzino li, kuraĝon perdinte, ŝanĝis la tonon pli mallaŭta, malpli entuziasma.

— Vere . . . vi estas prava . . . sed tamen, se tio povus okazi. Edzinjo, mia kara, amata mia . . . mi ankoraŭ nenion petis de vi... ĉu ne? Nu bone! Mi petis ja de vi por cigaro aŭ por ia bagatelaĵo, sed . . . sed, edzinjo mia, vi scias ja, ke infano ne estas cigaro aŭ ia bagatelaĵo... ĉu ne? Infano estas io alia, io pli. Ĝi estas vivcelo, la plej sankta io en la vivo ... ĉu ne? Ĝi estas ridetanta feliĉo de la familia vivo kaj ne cigaro aŭ ia alia bagatelaĵo . . . ĉu ne?



Willy Pogány: Ilustr. por la verko de R. Wagner: „Parsifal"

— Sed kion mi faru? Mi estas tiel malfeliĉa, vidante vin suferanta pro ĉi tiu neefektivigebla revo . . . Vi scias ja, ke mi volonte donus mian propran vivon por vi . . . — malesperis la virino kaj larmoj ruliĝis sur ŝiaj vangoj.

— Aŭskultu min, edzinjo mia! Aŭskultu min! . . . — liaj okuloj ekbrilis pro aperantaj larmoj. — Vi scias ja, ke infano estas vera trezoro . . . ke ĝi estas ridetanta . . .

— . . . feliĉo de la familia vivo — ŝi finis la frazon iome malpacience. — Tre bone mi scias . . . tre bone, sed kion mi faru? Kion mi faru? Kion vi deziras de mi?

— Ni *adoptu* unu!

Momenta silento. Kun malsamaj pensoj ili rigardis unu la alian.

— Ni adoptu unu! — ripetis la edzo preskaŭ plorante. — Mi scias, ke en la „Azilo por Trovitaj Infanoj" ni povos ricevi unu . . . Mi . . .

La virino esplore rigardis en la okulojn de sia edzo. Li embarasiĝis kaj daŭrigis kun troa fervoro:

— Tie estas multe da infanoj orfaj, sen helpo kaj forlasitaj de siaj gepatroj . . . Edzinjo, mia amata, mi petegas, adoptu ni unu el ili . . . Adoptu ni unu!

Kiel infano li genuis antaŭ ŝin kaj preninte en siajn larĝajn manplatojn la fingretojn de sia edzino li sieĝis per kisoj ŝin. Dum la kisado li ekploris kaj ankaŭ ŝi ne povis reteni la larmojn.

Ŝi glatigis la krispajn harojn de sia edzo kaj kun virina delikateco konsentis.

— Ni adoptos unu . . . Ni adoptos . . .

— — — — — — — — — — — — — —

La posta tago estis festotago por ili. Jam frumatene li zorge brosis la paradan veston kaj ŝi prenis la plej ŝatatan kostumon el la ŝranko. Li rigardis ĉiuminute la montrilojn de la kukola horloĝo kaj esprimis dubon pri ĝia precizeco. Fine alvenis la konvena horo por fari la viziton ĉe la direktoro de la „Azilo por Trovitaj Infanoj".

Ili ekiris. Dumvoje li aĉetis en iu magazeno pupeton kun moveblaj okuloj.

La direktoro akceptis ilin afable kaj servoprete. La afero estis tre facila, kvazaŭ preparita, kion oni povis konstati el la mieno de sinjoro Melonkapo, tro naiva por esti bona aktoro.

La direktoro kondukis ilin en grandan ĉambron de du- kaj trijaraj infanoj. La ploretado kaj krietanta ridado de la infanaro estis la plej rava muziko por la oreloj de nia heroo. Liaj okuloj brilis pro ĝojo kaj kvazaŭ serĉante iun li rigardadis tien kaj reen. Lia rigardo fine trovis ripozon en fora angulo de la ĉambro. Tie ludis, apenaŭ trijara, knabineto kun pupeto.

Li kuris al ŝi kaj kaptinte per ambaŭ manoj premis ŝin al si kaj kisis kaj kisis kun emocia pasio. La infano rekone ridetis kaj ĉirkaŭprenis lian kolon. Per siaj graciaj fingretoj ŝi hirtigis liajn lipharojn kaj zorge kombitan frizuron.

— Rigardu! Rigardu! — li montris la infanon al sia edzino. — Kiel bela ŝi estas! Kiel ĉarme ŝi ridetas! Rigardu, edzinjo mia, tiun ĉi senkulpan rideton! Ĉu vi vidis iam pli belan? Kaj ĉi tiujn brilantajn okulojn! Diamantoj . . . veraj diamantoj! Jen, edzinjo kara, jen rigardu kiel etaj manplatoj, ĉerizaj lipoj, neĝblanka frunteto!!.. Edzinjo kara! Ŝi estas belega knabineto . . . ĉu ne?

— Jes! Beleta, sed . . . — kaj ŝi flustris al sia edzo — ĉu vi ne vidas, ke la etulino estas kripla? Ŝi havas ĝibon.

Li subite kovris per sia larĝa manplato la dorseton de la infano kaj doloraj larmoj tremetis en liaj okuloj.

— Ne! Ne! Ne vere! Ŝi ne havas ĝibon! Ŝi ne estas kripla! Ne diru, edzinjo, ne diru tion!

Por kaŝi sian emocion li turnis sian atenton al la infano kaj parolis rapide, ŝerce al ŝi.

— Rigardu, etulino! Kion mi portis por vi. Nu kion? . . . Pupeton. Veran pupeton. Novan pupeton kun moveblaj okuloj . . . Rigardu! Nun rigardu! Jen la pupeto dormas . . . jen la pupeto vekiĝas . . . nun denove ĝi dormas . . . kaj nun denove ĝi vekiĝas . . .

La infano kaptis la pupon kaj kisadis ĝiajn mallerte pentritajn vangojn.

— Mi amas pupeton! — ŝi pepetis kaj forte premis la pupon al si.

— Edzinjo! Edzinjo! Ĉu vi aŭdas? — eksplodis kun entuziasma krio la sento el lia koro. — Ŝi diris „mi amas pupeton“! Edzinjo mia, ĉu vi aŭdis iam pli kortuŝan voĉon? Edzinjo mia . . . ni adoptu ŝin... ni adoptu ŝin! Edzinjo . . . edzineto mia . . .

La virino rigardis sian edzon. Dolĉa kompreno kaj senfina kompato varmigis ŝian animon. Ŝi fikse, sed kun milda kareso, rigardis al liaj okuloj kaj vidis en ili senesperan baraktadon de patra amo. Ŝi mem ne sciis kial, sed sentis emocian simpation al la eta orfulino kaj preskaŭ kontraŭvole etendis la brakojn al ŝi. Ŝi transprenis la infanon de li kaj longe kisis ŝin.

— Diru al mi, etulino, „panjo“! Nu diru, kara, „pan . . jo“!

La infano ripetis kun necerta voĉo, ne konsciante pri la signifo de la vorto.

— Panjo . . .

Sinjoro Melonkapo, klinante sin al mano de sia edzino, kisis ĝin kun larma danko. Ŝia respondo estis delikata senriproĉa rideto.

— — — — — — — — — — — — —

Kiu scias? Eble en tiu ĉi momento petis dian benon por ili en la transtera mondo, la animo de la iama knabino kun ruĝaj manoj kaj kontuzitaj kubutoj.

*Premiita dum la IX-a Int. Floraj Ludoj.*

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ



ntaŭ multaj jaroj, en mia infanaĝo okazis, ke mia kara panjo dolĉe demandis min, tiel dolĉe, kiel povas demandi nur amanta panjo.

— Fileto! Kio vi volas fariĝi, se vi plenkreskos?

Mi respondis kun la fiereco de 7—8 jara knabo:

— Esploristo aŭ malkovranto.

Mia panjo — mi bone rememoras — glatigante per siaj delikataj manoj mian dubenigran hararon, bonkore ridante rigardis min.

„Ho! Vi eta naivulo, je kiam vi plenkreskos, jam ĉio estos esplorita, malkovrita!“

Mia infana koreto kunpremiĝis kaj mi estus preferinta tuj fariĝi plenaĝulo, por ke neniu povu anticipi miajn planojn. Kun sincera envio mi pensis pri Robinzono, Stanley, Kolumbus kaj pri aliaj, kiuj havis la feliĉon naskiĝi kaj vivi antaŭ mi.

De tiam jaroj, longaj kaj suferplenaj, pasis for, sed komencante la priskribon de mia, aventura vojaĝo tra la siberia pra-arbaro, mi ne povas ne rememori pri tiu ĉi momento de mia infana revo.

Bedaŭrinde la revo realiĝis, ĉar la sorto, ĉi tiu kaprica forto, ĵetis min en malproksiman orienton kaj devigis min vagadi, erarmigri milojn da verstoj en la siberia pra-arbaro, en la mistera, danĝera „Tajga“.

Koncize priskribante la okazintaĵon mi ne intencas doni eternvaloran verkon, ĉar ne posedante la potencon majstran de plumo, mi restos nur fidela interpretanto de travivaĵoj kaj sentoj miaj.

Tiu ĉi verko celas esti sole rememoraĵo pri homaj sufero kaj doloro, travivintaj en la XX-a centjaro, nomata: „epoko de la humanismo“.

Legu kaj neniam sopiru fariĝi — Robinzono!

## I-a ĈAPITRO

### En kaptiteco

en kiu estos informita la kara leganto pri plezuroj de militkaptitoj, pri la humaneco de la partioj batalantaj kaj pri io, kio ebligas la daŭrigon de tiu ĉi historio.

Kie la manĝuria limo tuŝas la orient-siberian, ĉe la renkontiĝo de du grandegaj riveroj Usuri kaj Amur estas la urbo Habarovsk. En la proksima najbareco de tiu ĉi ŝaŭme vivanta urbo oni konstruis la malgajan tombejon de vivantaj homoj. Ĝi estis la militkaptitejo. Malgraciaj, dikmuraj kazernoj, kiuj kunpreme katenis la vivon de, pli ol du mil, militkaptitoj. La ruĝkoloraj brikoj de la muroj, kvazaŭ respegulante la sangsoifon de l' konstruintoj, rigide rigardis la najlodratajn barilojn, post kiu mizere vivaĉis germanoj, turkoj, hungaroj, kiujn devigis por militi la XX-a centjaro. Vivante en tiuj ĉi kazernaj kriptoj tri-kvar jarojn, eĉ kelkaj kvin-ses jarojn, plendante pri forrabita printempo de sia vivo, ili fariĝis maljunuloj, neniom ĝuintaj el plezuroj de la tera edeno.

Tiutempe Siberio estis scenejo de gravaj politikaj metamorfozoj. En la jaro 1918. la „Entento“ decidis armile enmiksiĝi por pacigi (je propra profito) la diversajn politikajn partiojn. En Vladivostok, 500 verstojn de Habarovsk, ĉiutage oni elŝipigis armeojn de diverskoloraj kaj diversnaciaj soldataroj. Francoj, angloj, kanadanoj, amerikanoj, italoj, ĥinoj kaj japanoj renkontis sin por defendi la altajn ideojn de l' humanismo.

Nia militkaptitejo troviĝis en la interesosfero de l' amerikanoj kaj japanoj kaj ili alterne militkaptis nin „militkaptitojn“ por triumfe raporti pri la granda akiraĵo.

Tiamaniere ankaŭ mi havis la honoron trifoje militkaptitiĝi. Unue la rusoj, poste la amerikanoj kaj fine la japanoj sen invito gastigis min kun vere kortuŝa gastameco. Tiu ĉi fakto laŭŝajne sensignifa, kunhavis grandan financan aliformiĝon. Tago post tago la rublo senvaloriĝis kaj ni kiel oficiroj, ricevis nun 25 dolarojn, respektive 50 jenojn, anstataŭ 50 rubloj. Unuvorte: kvincentfoje pli ol pli frue. Pro tio multmiloj da kaptitoj vivantaj en Siberio deziris ke ankaŭ ili estu kaptitaj de l' amerika armeo. Notinde estas, ke al la deputitaro peteganta, kiu priskribis per sincera, korpremiga parolo la situacion mizeran de Petropavlovskaj militkaptitoj, el kiuj mortis pli ol 2000 homoj pro malsattifo dum du monatoj, la estro de la amerika ruĝa kruco respondis jene: „Ameriko havas nur larmojn por mildigi la suferojn, sed ne monon!“ kaj li donace disdonis kelkajn preĝlibrojn kaj rozariojn.

Verdire nia financa stato pliboniĝis kaj ni estis nomataj „milionuloj de l' militkaptiteco“. Sed ni vere estis nur „milionuloj de l' mizero“ kaj neniu estus enviinta nin, havante la saman situacion. La plimulto de miaj samsortanoj, ne ricevante iun ajn sciigon pri siaj hejmo kaj familio, melankolie rigardis al la nigra estonteco. La ĉiama malcerteco, la konstanta senvirina socia vivo, la troloĝateco de ĉambroj, (60—70 personoj loĝis kune) la venena odoro de haladzo kaj la bacilhavaj elspiraĵoj ne nur rompis la sanecon de l' nervaroj, ruinigis ankaŭ la animan ekvilibron. La sento de sklaveco naskis malkuraĝon; la imagforto de ekscititaj mensoj — frenezon. Ĉiutage plimultiĝis la nombro de tiuj, kies anima stato ne povis porti plu la ŝargon de la „milionula vivo“, akompanatan de konstanta skrupulo.

Ho, kiel ni enviitoj sopiris la vivon de niaj enviantoj, kiuj kvankam mizere trenis la ĉaron de l' vivo, tamen havante la eblecon de la libera movo, povis forgesi momente siajn turmentojn. Kion fari? Kion fari? estis la senĉesa plendkrio, kiu ricevis respondon neniam.

Amerika regimentestro Morov, promesis baldaŭan reenpatrujigon, sed la promeso restis promeso. Lia Moŝto Janin, franca generalo sendis manskribitan leteron, promesante sian helpon, kvankam la ŝipoj ankoraŭ ne vidiĝis sur la blua horizonto de l' maro, eĉ ne estis je lia dispono. Sed konsoli estas bela virto kaj kostas neniom. Li promesis eĉ tujan helpon, se ni estos pretaj kun pafilo en la mano ekmarŝi laŭ okcidenta direkto tra la Uralmontaro kaj rompi la fronton de bolŝevikoj, kiuj laŭdire minace proksimiĝis. (En tiu tempo Kolĉak, rusa generalo retiriĝis kun sia armeo el Omsk.) Oni ĉiumonate traktis novan promeson kaj ni ĉiumonate pliriĉiĝis je nova trompiĝo. La ĉion neanta pesimismo iom post iom disetendis siajn flugilojn, kies ombroj funebre malheligis eĉ la plej etan fajreron de l' espero. La lipoj kurbe silentis, — nur kelkfoje eliĝis la kutimita plendfrazo. „Ne eble rezisti plu!“ — „Mi ne ricevis leteron de 5 jaroj.“ — „Filineto mia certe ne rekonos min!“

Mi estis 18-a jara, kiam mi estis devigita komenci la soldatan vivon kaj nun 24 jarojn mi povas kalkuli por mi. Kiu redonos mian junecon perditan? Kion fari? Kien iri?

Kion? Ien ajn, nur rifuĝi for el tiu ĉi muelejo, kie oni frakasas homajn animojn. Rifuĝi kaj flugi al la libera aero, al malproksima lando, kie atendas nin ama ĉirkaŭpreno de niaj gepatroj, fianĉino . . . Kaj jen naskiĝis la penso pri forkuro . . .

Oriente, al Vladivostok, la kontrolo estis tre severa kaj ne unufoje okazis, ke oni reportis forkurinton el — Kanada. Okcidente, al batalfronto de Generalo Kolĉak, kvankam atendas mil da danĝeroj, sed bonŝance eble . . .

— Dum printempo! — ni konsole kaj ku-



Willy Pogány: Ilustr. por la verko: „Vojaĝoj de Gulliver“

raĝiĝe ripetis senĉese ĉi tiun frazon. En Siberio la vintro daŭras de oktobro ĝis junio kaj se oni multe hezitas aŭ ne profitas la pli favorajn sezonojn, jam estas vane ĉio . . . ĉio. Forkuri! jen la sola savo por ni!

Kiel epidemio disvastiĝis la lernado de rusa lingvo kaj ĉiu komencis studi iun metion. Ankaŭ mi konvinkiĝis, ke la doktora diplomo valoras malmulte, se fremdlande oni devas perlabori la ĉiutagan panon kaj pro tio, en jaro 1919. mi fariĝis diligenta metilernanto de maŝin-seruristo, opiniante, ke pere de tiu metio mi povas prosperi dum la longdaŭra vojaĝo. Ĉiutage sintrude mi iris por labori, ĉar la ne kutimita okupo kaŭzis trolacigon. Tamen ĉi tiu lacigo estis la plej feliĉa profito, kiun mi havis post la 7—8 hora labortempo, ĉar ĝi lulis min al dormo sensonĝa.

Subite aliiĝis la politikaj cirkonstancoj, kiuj havis grandan influon je la vivo, ŝajne trankvila kaj indiferenta, de la militkaptitejo. Evidentiĝis la falseco de tiu percepto, ke „mi ne intersiĝas pri politiko!“ „Nenian rilaton mi havas kun ĝi!“ k. t. p. ĉar la politikaj okazintaĵoj de la ekstera mondo renversis ĉion ankaŭ en la interno de niaj kriptoj post la najlodrataj bariloj. Iom da espero ekĝermis en niaj animoj.

La milita aventuro de l'grandaj potencoj en Siberio senrezulte mortaĉadis kaj vekis malsimpation, krom tio la registaro de generalo Kolĉak konstatinte la plenan fiaskon de siaj projektoj decidis retiri sin kaj cedi la lokon por nova reĝimo. Unue forlasis Siberion la taĉmentoj de italoj, francoj, ĥinoj kaj angloj. Kontraŭ la postlasita amerika soldataro la rusaj gazetoj, subaĉetitaj per japana mono, propagandis, ironie menciante, ke „Ameriko verŝajne pensas tion, ke Siberio estas akvujo, el kiu povas trinki ĉiu bovo“. Finfine eĉ Ameriko prudentiĝis kaj reordonis siajn taĉmentojn.



Willy Pogány: Ilustr. por la verko: „Vojaĝoj de Gulliver“

En Siberio restis sola la japana armeo kaj por mejlaj paŝoj proksimiĝis la ruĝa armeo. La 10-an de februaro 1920. ĝi atingis kaj okupis Irkutsk-on, la ŝlosilon de Mongolio. Ni, inertaj malfeliĉuloj, atendis kun kortremeto la renkontiĝon de tiuj ĉi du gravaj kolosoj. Ne pro la sorto de l' Siberio, nek pro la milita bonŝanco de iu ajn armeo el la du malamikoj, sed pro nia propra vivestonto regis nin la malpacienco, miksita kun komprenebla timo.

Klaĉaj babilaĵoj, batalkampaj raportoj, kiujn la tro ekscititaj pesimistoj kaj optimistoj mem disvastigis inter ni, kvazaŭ kinematografe montris la grandan teatraĵon, de kiu dependis ankaŭ nia sorto. Fine ĉiam pli kaj pli firmiĝis la famo, ke en sovjeta Ruslando ne ekzistas plu militkaptitoj, ĉar la tiea registaro repatrujigis ilin jam antaŭ longe . . . Ho kiom da larmoj, suferoj kaŭzis tiu ĉi falsa informo! Kiom da homaj vivoj estis estingitaj poste pro tiu ĉi bonintence farita konsolo . . .? Sed ni kredis la verecon de tiu kaj . . . decidis.

Sufiĉas! La packontrakto estas subskribita de pli ol du jaroj kaj ni atendas ĉe la limo de Ĥinio sen espero. La registaroj faras nenion por helpi nin, do estas urĝe agi kaj ĉesigi ĉi tiun malbenitan staton per propra helpo.

Kaŝe ekbrilis la okuloj de kelkaj samsortanoj kaj ĉiutage kreskis la nombro de tiuj, kiuj flustre demandis unu al alia. „Ĉu ankaŭ Vi?“ Oni facile komprenis, ke pri baldaŭa forkuro aludas la parolanto. La respondo estis simpla, kiel la demando, sed akompanata de dolĉespera rideto: Ankaŭ mi!

Neatendite la japana komandantaro decidis forlasi la okcidentan parton de Habarovsk, gubernion Amur kaj la plenpotenca generalo adiaŭdirante deziris feliĉon al la multon suferinta rusa popolo. Fine! Jen estas la tempo por agi!

Ekstere grincis la 40° frosto sed interne en la kriptoj ni atendis kun senpacienca espero — la reviviĝon. Super la helblua neĝtavolo, kvazaŭ odoro de malproksimaj violoj, ŝvebis, logante nin, — la libereco!

*(Daŭrigota)*




### ANTAŬ LA FINVENKO

TEO JUNG

Ne kuraĝon perdu, fratoj,
Vivu la Espero!
Jam el malproksim' salutas
La revita tero.
Verda ter', Esperantujo,
Jam ne fantazia,
Baldaŭ estos realaĵo
Korsopiro nia.

Blovu, freŝa, forta vento!
Streĉu nian velon!
Fratoj, lastan forton donu:
Vidu jam la celon!
Verda ter', Esperantujo,
Jam ne fantazia,
Baldaŭ estos realaĵo
Korsopiro nia.

La remilojn en la ondojn
Premu ni profunde!
Rekompencon jen sur bordo
Trovos ni abunde.
Verda ter', Esperantujo,
Jam ne fantazia.
Baldaŭ estos realaĵo
Korsopiro nia.

Do, kuraĝon, karaj fratoj!
Vivu la espero:
Baldaŭ atingita estos
La revita tero!
Verda ter', Esperantujo,
Jam ne fantazia,
Baldaŭ estos realaĵo
Korsopiro nia.

### PRINTEMPE

LUJZA SUMITZ

Odor' de l' printempo narkotas la teron.
Ĝi estas ravanta.
La duboj forflugis kaj vekas esperon
la viv' mensoganta.

La homoj revadas... Plenigas la koron
la dolĉa veneno.
Post velko de rozoj frostigos la ploron
aŭtuna mateno.

### OMBROJ DE AŬTUNO

M. SOLOVJEV

Tra la fenestro vento ĝemas.
Aŭtuno ploras ekster dom'.
En forno lasta fajro tremas,
Sur muro saltas ombrfantom'.

Mi sidas, kapo sur la brusto,
Kaj streĉas sin distrita pens',
Ĉu vivi plu sen ĝoj', sen gusto?
Ĉu venos iam ajn kompens'?

Anim' pleniĝas per malpaco,
Pri vivo kreskas abomen',
Kaj mortas sur vizaĝ' grimaco
De ĵus fuŝinta arleken'.

Jes, vanta estis tuta vivo,
Senĉesa lukto kaj mizer':
Forestas senco kaj motivo
Por ekzistadi sur la ter'...



Sed kapon fulma pens' radias:
„Idea pen' ne estas vant'!"
Kaj mi savita ĝoje krias:
Pravigas vivon „Esperant'"!



# ESTONA POPOLKANTO

Lento piu mosso.

Solo

mf

Mi vin konas, jo - eda, sklava peno, jo - eda. Min jam e-tan, jo - eda, Oni pelis al la la-

Soprano

Aldo

mf

Hai- li - lo - sklava peno jo. Hai- li - lo — Oni pelis al labor,

Tenoro

Baso

ff

bor, joeda. Eta grundo, jo - eda, sur kamparoj, jo - e-da. Ho, ve, mi e-ta, jo - - eda,

mf

jo. Hai-li- lo, sur kamparo, jo. Hai- li - lo —,

id' de sklavo, jo - eda. Kian salajron, jo-eda, o-ni ĵetas, jo- eda. Nigra mavo, joeda

Kian donacon, jo-eda, o-ni donas, jo-eda. Vastaĉielo, jo-eda,

p

id' de sklavo, jo. Hai- li - lo — o-ni ĵe-tas jo. Hai-li- lo —

u-jo por trinki, jo - e-da. Jen salajro, jo - e-da, la ĵe- tita, jo-e-da

tablo por manĝi, jo-e-da. Jen donaco, jo - e-da, la donita, jo-eda.

I. II.

f

uj' por trinki, jo. Hai - li- lo — la ĵe- tita, jo. la do-nita jo.

Pĉcano.

NIAJ VERKISTOJ



NIKOLAO HOHLOV

# MONDLITERATURA KAJ MONDARTA OBSERVO

GEORG KAISER, sendube unu el la ĉefaj reprezentantoj de la plej moderna germana dramo, post sia okupiĝo pri temoj el la sfero de socialaj problemoj kaj utopioj, nun, en sia plej nova verko turnas sin al la historia estinteco, sed nur por temo; kion li donas, tio ĉiam pli profunde iras la vojon de la animaj sekretoj, la vojon de la mistikismo. Nun oni prezentis en Leipzig lian tragedion: *Gilles* kaj *Jeanne*, kiu per tute apartaj kaj mistikaj rimedoj formas la tragikon de la Virgulino de Orleans, kaj kune ankaŭ tiun de Gilles de Rais, kiuj, ĉe li, trans ĉiuj historiaj realaĵoj, estas kvazaŭ la senditoj de ia mistera dia potenco, destinitaj por plenumi la faton unu al la alia. Nemezurebla distanco disigas lian Virgulinon de Orleans de tiu de Schiller. Kvankam ankaŭ ŝi portas la arĝentan kirason, flirtigas la standardon kaj svingas la glavon, sed dum la plej furioza tempesto de batalo subite ŝin kaptas la konvinkiĝo ke ŝia destino ne estas gajni la militon sed savi *Gilles de Rais*, la pra-malbonulon, la blubarbulon, la enkorpiĝon de la kulpa volupto. *Gilles de Rais*, la juna marŝalo de Francujo, estas malhela ombro de la Virgulino en la bataloj. Nur por ŝi li armis trupojn, nur por ŝi li venkas la anglojn. Sed dum la *Jeanne d'Arc* de Schiller ne restas netuŝita per la fajro de la angla Lionel, la *Jeanne* de Georg Kaiser estas perfekta sanktulino, la sopirado de la voluptema Gilles forglitas de sur ŝia arĝenta kiraso. Sed por *Gilles* ĉia rimedo estas bona kaj fine li fortiras siajn trupojn el la batalo por trudi *Jeanne*'on al si. Sed la virgulino prefere pereigas sin, ol oferi sian korpon. Kaj tion ŝi faras ne por savi sian aŭreolon de ĉasteco, sed por tiom pli grandioze donaci al la viro sian tutan individuecon. La angloj kaptas kaj starigas ŝin per akuzo pri sorĉistineco antaŭ la papan tribunalon, kiu konstatas ŝian senkulpecon. Sed nun minace aperas denove *Gilles de Rais*. En sia ama frenezo li faras kalumnian ateston en la proceso de *Jeanne*. La virgulino antaŭscias tion kaj preparas sin por tio. La falsa atesto ŝin portas sur ŝtiparon. Kaj nun Kaiser jam venigis la sorton de *Gilles* tien, kien li volis, kie li povas prìmontri liajn turmentojn de voluptmurdinto. Tortura kaj nesatigebla sopirado al *Jeanne* vekas en li murdeman furiozon, kies unua viktimo estis ĝuste la virgulino. Vane kreas lia alĥimisto sep arĝentkirasajn kopiaĵojn de *Jeanne*, lia sopirado fariĝas nur pli freneza. Li murdas kaj detruas, fine oni kaptas kaj starigas lin antaŭ juĝistaron. Sed nun, kiel ĉiela sendito, aperas *Jeanne d'Arc* kaj ŝia atesto savas *Gilles*. Kaj la forto de ŝia sinofero rompas la krimulon, senpove, ekmordite de konscienco li faras sinceran konfeson. Altefluganta, grandioza, religia mistikeco akiris la plenan grandan sukceson por ĉi tiu akto. *vlg.*

ELEONORA DUSE estas nun en sia sesdekkvara jaro. Dum tiuj sesdekkvar jaroj, en la varmega kaj kruela atmosfero de la scenejo *Duse* fariĝis tute maljunulino: ŝiaj haroj estas arĝentblankaj kaj jam iom maldensiĝintaj, ŝian vizaĝon traplugis la tempo per profundaj sulkoj, kaj jam iom kuntiriĝis tiu subtila korpo, kiu ĉiam preskaŭ falis sub la ŝarĝo de la pura kaj granda monumentaleco. Tamen Duse nun finludis en *Firenze* novan rolon, akceptite kaj akompanite per tia pieca admiro, kia al ŝi konvenas je la fino kaj konvenis jam ankaŭ je la komenco de ŝia kariero.

*Cosi sia:* Tiel estu . . . Jen la titolo de la dramo, kiun Tomaso Gallarati-Scotti, juna Milana verkisto kreis por Duse. Kiam la kurteno leviĝas, Duse jam genuas sur la scenejo, duone forturninte sin de la publiko, apud la lito de sia malsana infano. Senmove ŝi turnas sian kapon al la lito, dum la publiko de la Teatro della Pergola, kiel unu homo aplaŭdas dum minutoj. En la unua akto ŝi estas ankoraŭ juna virino, kaj, kiel tia, ŝi ne povas rigardi al la aŭdantaro. Nun eksilentas la aplaŭdo, kaj mallaŭte, kun milda sonoro eksonas la plenda voĉo de Duse. Al la kuracisto ŝi parolas, petegante helpon por la malsana infano, sed la kuracisto jam venis ĝis la limoj de sia scienco, kaj montras al la ĉielo. Kaj Duse nun petas de la ĉielo la helpon. La bildo de la Sankta Virgulino pendas sur la muro, al tiu ŝi petegas, al tiu ŝi faras du solenajn promesojn. La edzina vivo portis senreviĝon por la juna virino, ĉi tiun senreviĝon nun komencas mildigi la vekiĝo de nova amo. El la angulo de la fenestro, tra la kurteno ŝi elrigardadis al la strato, kiam *tiu* preteriris . . . De nun ŝi ne plu elrigardos, ekstermos el sia koro ĉiun kulpan senton. Ĉi tio estas la unua promeso kaj la alia estas tio, ke de nun ĉiujare ŝi iros unu fojon, surgenue, kun la pilgrimantoj, al la preĝejo de Maria, se la knabeto saniĝos. La vortoj de la promeso tiel milde kaj parfume karesas la aŭdantojn kvazaŭ florpluvo faladus de ie. La kurteno falas. Ĉiuj aplaŭdas saltleviĝinte, sed vane, Duse ne montras sin, nun ŝi ankoraŭ ne povas montri sin antaŭ la kurteno.

Ĝis la komenco de la dua akto pasas dudektri jaroj. La patrino faras nun dudektrie la penigan pilgrimvojon al la preĝejo, ĉar Maria faris miraklon kaj la knabo resaniĝis. Sed li tute similas sian patron, li estas facilanima, senbrida, brutala, li ne komprenas kaj priridas la mildan amon, dolorvualan karesemon de sia patrino. Sur la pilgrimvojo ili renkontas sin. Ŝi genuante, en la nigra pilgrimsurvesto, li en diboĉa societo kun facilaj virinoj. La patrino alparolas lin: *Giovanni, Giovanni*, eksonas dufoje, sole la nomo de la filo. Sed ĉi tiuj du vortoj estas admirinda muziko de la doloro kaj amo, de la petego kaj espero. Du

vortoj kaj en ĉiuj okuloj larmo eksidas. Sed la filo hontas pri sia patrino kiu nun aspektas kvazaŭ almozulino, kaj li iras plu, lasinte en la polvo de l' vojo tiun, kiu oferis por ŝi sian amon, kaj oferis ĉion, kion la vivo ankoraŭ promesis al ŝi. La petego de Duse, la plendo de Duse, la maldolĉa sento de Duse kaj la patrina amo, pli forta ol ĉiu alia sento plenigas nun la scenejon mallaŭte kaj tamen kun potenca kaj rava melodio.

Post la dua akto oni ne vane aplaŭdas. La kurteno disiĝas kaj kun lacaj paŝoj, iom kliniĝinte, kun lipoj kurbiĝintaj je dolora rideto paŝas antaŭ la publikon tre maljuna, preskaŭ timige maljuna virino. Malfacile estas kredi, ke nur antaŭ dudektri jaroj verkis D' Annunzio tiun faman, kruelan kaj malĝentilan amromanon, en la fono kun Venezia. Li devis tiam rifuĝi kaj elmigri por longa tempo pro la itala komunopinio kiu turnis sin akre kontraŭ li pro la ofendo kaj perfido al Duse. Tamen, ŝajne la cindriĝo de ĉi tiu Fajro maljunigis Duse'n tiel frue, kaj de tiam ankoraŭ multe plimaljuniĝis la plej perfekta instrumento de la mola muziksonoro de l' itala lingvo.

La tria akto estas tre mallonga. En la preĝejeto, antaŭ la altaro de Maria, Duse preĝas kaj plendas mallaŭte. Kaj Maria paŝas de la altaro, ĉirkaŭbrakas la nigrevestitan maljunulinon, ekkaresas ŝiajn harojn, kisas ŝiajn okulojn duonblindajn pro multa ploro, silente kaj milde kuŝigas la troŝarĝitan korpon antaŭ la altaro kaj repaŝas sur sian lokon. Kaj la maljunulino ne levos sin plu, ĉar la mankareso de Maria portis al ŝi la grandan pacon, la mildan dormon, la forgeson pri l' doloroj, la dolĉan ripozon. *Ic.*

ILUSTRAĴOJ DE WILLY POGÁNY. — En tiu ĉi numero de nia revuo la legantoj trovas kelkajn ilustraĵojn de Willy Pogány, de artisto vivanta en Ameriko. Ni prezentas lin kiel grafikiston — plej unuarangan en ĉi tiu kvalito — sed Willy Pogány estas unuavice pentristo. Lin ne infektis la unutoneco kaj senvaloreco de la universala grafikarto, kiu ja servas unue la plej grandan (kaj estetike ne instruitan) popolamason per la libroilustrado. Willy Pogány restas ĉiam kaj ĉie pentristo, kiu laboras per la eleganta kaj dolĉa ritmo de l' koloroj kaj la forto de liaj koloroj lasas plenan efikon en la okuloj kaj animo de la rigardanto, eĉ tie, kie alia neartista individuo eksentas kaj reproduktas de la simpla aŭ naiva temo nur banalaĵojn.

Li okupas sin per artistaj kaj pentristaj problemoj — tion montras liaj murpentraĵoj kaj tion dokumentas lia vivo plena de artistaj evolucioj kaj revolucioj.

Foliumante liajn fabellibrojn, ni relulas nin en la sonĝplenan infanecon kaj rigardante liajn pentraĵojn *à la fresco,* ni vidas la esperplenan estonton de niaj posteuloj.

Willy Pogány estas la plej originala kaj interesa grafikisto de niaj tagoj, sed la estonton li havas ankoraŭ antaŭ si. *Es Ploranto.*

---

# BIBLIOGRAFIO

G. MEAZZINI: NOVO VOCABOLARIO ITALIANO-ESPERANTO. — 280 paĝoj en-8⁰. 1922. Editore A. Paolet, S^a Vito al Tagliamento. — Prezo: 5 liroj italaj.

Aperas nun en multaj landoj la naciaj vortaroj por Esperanta studo, ĉu novaj, ĉu noveldonaj; pri la „vocabolario" de S-ro Meazzini, membro de la Lingva Komitato, ni ne parolus ĉi tie, se tiu verketo ne prezentus en si la apartaĵojn, simptomajn en nia movado post la fino de l' milito.

Estas bonaj novaĵoj en la vortaro de nia itala kolego: *gimnasto* = gimnastikisto, *grunti* = porkebleki, *vito* = vinberarbeto, *bilo* = grava dokumento, *nano* = malgrandegulo, *rikani* = malice duonridi, *fono* = fundo de l' perspektivo, *selekti* = racie elekti por plibonigo de l' raso, *sesango* = fluida parto de l' sango, *retroagi, cisalpa, espozi, eskluzi, estazo, estrakti, eskremento, geografo.*

Trafaj kunmetaĵoj estas troveblaj en la verketo: *unutona* = monotona, *verismo, partiano, disbranĉi, sinsekva, travintri, prehistorika, atestilo, tenema, viskoza, viziulo, pseŭdoprofeto, pilkego, laŭorda, nodoza, elektrizi, magnetizi, centralizi, kanalizi* . . . k. c.

Sed multe pli granda estas nombro da novaj radikoj, kiuj ŝajnas nenecesaj aŭ tro naciapartaj, ekz.: *vokabulo* = vorto, *noro* = bofilino, *urceo* = oleopoto, *violdamoro* = violoneto, *tantalizi* = turmenti, *evaneski* = malaperi, *tepida* = varmeta, *veleito* = vandeziro, *forsto* = arbaro, *bajo* = golfeto, *stratego* = militestro, *blazo* = aerveziko, *braĥoj* = pantaloneto, *kakofonio* = fisonado, sonaĉoj, *violenta* = fortega . . . k. m. a.

Tamen, la utilo de la nova eldono de l' itala vortaro restas nepridubebla, ĉar la novaj radikvortoj ordinare staras apud la kompreneblaj kunmetaĵoj, kaj la bonŝanco de l' uzanto esperebe gvidos lin al la elekto de l' pli taŭgaj vortoj, necesaj por esti komprenata de neitalaj samideanoj. *Petro Stojan, L.K.*

EUGEN WÜSTER: LA OFICIALA RADIKARO kun enkonduko kaj notoj. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. M. B. H. Berlin kaj Dresden.

Ĝoje akceptinda verketo farita de nia samideano-esperantologo kun lia kutima ĝisfundemo. La verko donas ĉiujn oficialajn radikojn kun ilia gramatika karaktero, kun signo pri ilia trovloko, sed samtempe ĝi donas ankaŭ kritikon kaj proponon. Ĝi proponas ĉe kelkaj vortoj novan gramatikan karakteron anstataŭ la Fundamenta, sed ĝi ne trudas ilin, montrante, inter krampoj, ankaŭ la Fundamentan karakteron. Ĉar hodiaŭ jam estas evidente ke la bazo de la Esperanta vortfarado estas la difinita gramatika karaktero de la radikoj, ĉi tiu libro, kiel la sola en sia speco, estas vere nemalhavebla por ĉiu progresinta Esperantisto.

Ĉi tiu libro donas denove aktualecon al la tiel nomita „Esperantologio" kies tezojn la aŭtoro en pluraj artikoloj eksplikis sur la paĝoj de l' Esp. Triumfonta (novembro 1921) kaj kies skizon li donas ankaŭ en la Enkonduko de ĉi tiu libreto. Ĉar ĉi tiuj tezoj gvidis lin en la kunmeto de la jena verketo; oni apenaŭ povas recenzi la libron ne parolante kelkajn vortojn pri la esperantologiaj rezultoj de la aŭtoro.

Kvankam mi, persone, ne tute konsentas kun la aŭtoro pri ĉi tiuj rezultoj, ankoraŭ malpli mi konsentas kun tiuj, kiuj diras la esperantologion vana, eĉ malutila laboro. Laŭ mia opinio la ĝusta vojo kuŝas ankaŭ ĉi tie en la ora mezo.

Ni ne rigidigu la lingvon per troa precizeco, ĉar tiel ni forprenus ĝian plej grandan ĉarmon. Sed, aliflanke, la lingvo devas havi kapablon eĉ por la plej ekzakta precizeco, se estas bezonate. Do la gvidanto estu la „neceso kaj sufiĉo"; en la literatura lingvo ni ne faru la stilon tro peza per nenecesa uzo de precizigaj sufiksoj, ni lasu la precizigon al la kunteksto, sed en teknikaj terminoj ni povu precizigi plej perfekte, se estas necese.

Ekzemple: ŝtatigi lernejojn signifas evidente: apartenigi lernejojn al ŝtato, kvankam laŭsence ĝi signifus: fari el ili ŝtaton. Dubo, malkompreno ne estas eblaj. Tamen la lingvo devas havi ankaŭ la vorton signifantan ekskluzive kaj sole: apartenigi al la ŝtato (alŝtatigi).

Same, pri la „hibridaj vortelementoj". Laŭ mia opinio ili tute ne estas hibridaj, ilin nur karakterizas libera uzo de la principo de sufiĉo. Ni rigardu la vorton

*fiksa* deveníntan el la verba radiko fiks'. Ĉu ĝi estas adjektivo senpere derivita el verbo? Tute ne, tiaj adjektivoj ne ekzistas, ilia deriviĝo pasas ĉiam tra la substantiva formo. Do *fiksa* ne signifas (*daŭre*) *fiksanta*, sed „rilatanta al fikso", „karakterizita per (onia) fikso", same kiel *ama letero* ne estas *amanta letero*. La uzo de tia adjektivo funkcianta kiel „daŭra participo" ankaŭ bazas sin sur la libera uzo de la principo de sufiĉo . . . Ja ankaŭ adjektivo derivita senpere de substantiva radiko povas havi la aspekton de „daŭra participo". *Venena* trinkaĵo estas preskaŭ la sama kiel *venenanta* trinkaĵo.

En okazo de neceso oni uzu la formojn *fiksanta* kaj *fiksita*.

Same, mi havas malsaman opinion pri la gramatika karaktero de la sufiksoj „ec" kaj „ad"; laŭ mia lingva sento ambaŭ estas substantivaj. Per tio ni havas dum la pluformado de la neprimitivaj vortoj sufiksojn por ĉiuj kategorioj de la „ento" (konkretaĵo, kvalito, ago). Kvankam aparta sufikso de abstrakto mankas, tion oni povas helpi prefere per kelkaj novaj vortoj, ol per enkonduko de pure gramatika „sufikso de enteco". La mankanta adjektiva sufikso estas bone anstataŭigebla per prepozicioj-prefiksoj, la verba per la participaj finaĵoj (radiatiĝi, kronatigi), por kio ni havas ekzemplon en la vorto „konatiĝi". Nur, por eviti konfuzon pri „ec", oni devus ekstermi el la lingvo la senrespondecan uzon kaj trouzon de la sufikso „ec" en la senco: kvazaŭ . . ., . . . simila, kiu faras al mi ĉiam malagrablan impreson, lingvaĵo, en ki ĝi tre ofte troviĝas, ŝajnas al mi — kiel diri — senpova stilo. Oni uzu anstataŭ ĝi: kvazaŭ . . ., laŭ . . ., . . . maniera, . . . simila, . . . forma, . . . ŝajna, . . . aspekta, eĉ min tute ne ĉagrenus, se iu kuraĝus enkonduki ian novan sufikson de simileco. Proponi mi ne volas, sed oni povus eble pensi pri pli ĝenerala uzo de la jam teknika sufikso „oida", aŭ pri la sufiksa uzo de la adverba finaĵo *e* (*ea*).

Sed, pardonon, mi tute deflankiĝis. Tutan teorion de derivado mi ja ne volas ekspliki inter la malvastaj kadroj de recenzo.

Do mi ripetas, reveninte al la libro, ke ĝi estas tre utile konsultebla verko. Kelkaj korektoj: argumento [i], atenti [a], celo [i], cenzuri [o], floro [i], detalo [a], planto [i], semo [i], vesto [i], verko [i], vundo [i] ktp. estas nepre aprobindaj, parte jam sankciitaj de la lingvouzo, aliaj ŝajnas dubaj, la adjektiveco de la malsanoj ŝajnas al mi certe malĝusta. Entute ĉi tiu afero estas tiel grava ke pri ĝi ne povas decidi unu sola homo, kaj post pli aŭ malpli longa tempo certe devos sin okupi pri ĝi ankaŭ niaj lingvaj institucioj. Tiuokaze ilia laboro estos nepre plifaciligita per la preciza, ĝisfunda laboro de la respektinde laborema aŭtoro.

*Kopar.*

ALEGORIOJ EL LA NATURO, de Margaret Gatty Dua kaj pligrandigita eldono. Frad. George Gordon (Gego). London, Brita Esperantista Asocio. 66 paĝa.

Kun sincera ĝojo ni salutas la duan eldonon de tiuj ĉi alegorioj kies ĉarmo ravas la animon de ĉiu meditanta homo. La eternaj demandoj pri destino kaj diaj leĝoj estas spontane klarigitaj en ili per la puranima simpleco de la verkistino, kiu, elektante la fabelan formon por interpreti sian filozofion, neniam altrudas la propran opinion. Sed ĝuste en tiu ĉi modesta reteno estas la konvinka forto, kiu multloke frapas nian atenton kaj igas nin admiri ŝiajn profundsencajn bildojn. Ŝi kvazaŭ spegulon tenante antaŭ ni, montras nian nepran alligitecon al la Naturo, en kiu oni povas trovi konsolan revelacion por la ŝajna vaneco de la homa vivo. Harmonio kun la naturo. Jen la fundamenta tezo de la verko kaj la verkistino sukcesis veki intereson pri la problema mondpercepto, sur kiu oni povas trovi novajn vojojn al la morala pliperfektiĝo.

La stilo estas elegante fundamenta, kvankam kelkloke la tradukinto, preskaŭ senkaŭze, renversis la vortordon, kiu malfaciligas la tujan kaj klaran komprenon, regantan ĝenerale en la tuta verko. Ni varme rekomendas la legadon de la alegorioj, precipe al nia junularo, kiu nepre bezonas bonstilajn verkojn kun altnivelaj enhavoj.

(*Jobo.*)

HISTORIO DE ESPERANTO *K. Brüggemann* kun la paroladoj, leteroj ktp. de D-ro Zamenhof. Poŝformato. 160 paĝa. Eldono de Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden-A 2.

Utila libreto, precipe por progresantaj kursanoj, kiuj bone kaj fidele ekkonos la historion kaj ankaŭ la internan ideon de nia movado el la koncize verkita libreto. En mallonga resumo ĝi donas la historion da la antaŭesperantaj mondlingvaj celadoj kaj pravigajn argumentojn por la internacia lingvo, konigas la devenon kaj diversajn epokojn de Esperanto, kie eble, per la vortoj de l' Majstro. Sekvas la priskribo de la internaciaj kongresoj kun la laŭvorta cito de la paroladoj de Zamenhof. Specialan intereson donas al la libreto ĝiaj aktualaj partoj, ĝi raportas eĉ pri la plej freŝaj okazintaĵoj, postsekvante la movadon ĝis niaj tagoj. Tiel ĝi estas utila ankaŭ por la propagandisto, kaj, pro la Zamenhofaj paroladoj, kiujn koni estas kvazaŭ devo de ĉiu Esperantisto, ĝi estas aĉetinda por ĉiu samideano.

La lingvaĵo estas tre bona, eleganta, flua, facila, en la tuta libro oni ne trovas eĉ unu riproĉindan esprimon.

Do la libro estas vere rekomendinda. Sed — modeste ni demandas — ĉu nia revuo tute ne ekzistas?

*Kopar.*

ĈU VI PAROLAS ESPERANTE? Interparoloj Esperanto-polaj el la sfero de l' praktika vivo. Prilabovis D-ro *Emil Pfeffer*. 48 paĝa. Eldonis „Biblioteka Powszechna (Biblioteko Universala) de Wilhelm Zuckerkandel en Zloczow (Polujo) 1600 pm. Bonstilaj parolekzercoj por poloj.

DAS DEUTSCHE LIED IN ESPERANTO. — Germanaj kantoj Esperantigitaj. Kompilis: *Friedrich Pillath*. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G.m.b.H., Berlin. Dua eldono. Prezo: 0.80 Mk. ŝlosilnombro, resp. 0.80 svfr.

La rapida elĉerpiĝo de la unua eldono estas ne nur bona rekomendilo por la libreto sed ankaŭ instigo por aliaj nacioj: eldoni la tekstojn de siaj popolkantoj en Esperanto. Samlandano certe havas plezuron rekonante la vortojn de sia kara kanto en nia kara lingvo, alilandano certe plezure konatiĝas kun la kantotrezoro de fremda al li popolspirito. Vivu do la sekvontaj tiaj libretoj.

La kantoj de la libreto preskaŭ ĉiuj estas tradukitaj en bona, flua facila stilo kaj ili ŝajnas bone kanteblaj. Rilate al la poezia preteco de la tradukintoj oni kompreneble trovas niveldiferencojn. Plej grandan rutinon ŝajnas havi la kompilinto mem kaj Ferdinand Pfeil. Kelkaj el iliaj tradukoj: „La akvoturno ĉe Regensburg", „Post gaja kantado", „Kunuloj tri migris", „Per maja venteto", „La karulon ŝi sopiris" kaj ankaŭ kelkaj ceteraj estas ne nur kantotekstoj, sed ankaŭ memstare bone ĝueblaj poemetoj.

Sed preskaŭ ĉagrenite mi revidis la malnovan, kaj tute ne kontentigan tradukon de la „Heidenröslein" de Goethe. Oni vere devus fari konkurson por la perfekta traduko de ĉi tiu juveleto, kiu nepre devus esti inde prezentita en la Esperanta literaturo.

*Kopar.*

# MONDEKONOMIA OBSERVO

Rekoni la unuecon de la mondo tio ne estas: forŝiri sin de sia patrujo.
*T. Wanderlip.*



Nur sanaj pensoj povas naski sanajn agojn: agojn kiuj rezultas la prosperon de la kulturhomaro; kaj nur tie oni povas paroli pri vera kulturo, kie tiuj gvidantaj agoj generas denove novajn kaj sanajn pensojn.

Hodiaŭ grava parto de l' homaro suferas je la malsanaj faroj de l' malsanaj pensoj kaj ideoj, en multaj lokoj tiagrade, ke tio faras duba ĉian emon kaj ĝojon je vivo. Sed antaŭ ol ekbalanci la pesilon de l' pensoj kaj agoj, ni tuŝu per momenta trarigardo la Eŭropan duonon de l' tero, ni vidu tiun abunde svarmantan ĥaoson de pensoj, kiu al ĉiu nacio kaj al ĉiu internacio povas doni unu — eble eĉ pli ol unu — bele ornamantan epiteton aŭ veron. El franca vidpunkto la efektivigo de la „riparado" estas tiu sugesta punkto, ĉirkaŭ kiu sin turnas la tuta ekonomia politiko de la lando, kaj ĉi tio ofte tute forglutas tiun politikon, kiu, laŭ la spirito de la prudenta modereco, uzas tiun riparadon nur kiel kulison, kaj por kiu la vera celo estas — la estonteco de Francujo. Ĉar la riparado estas la demando de la internacia juro kaj de la ekonomia politiko, kaj la respondo povas esti sole — la sana Eŭropo. La estonteco de Francujo estas la demando de la vivenergio de Francujo kaj estas nemezurebla domaĝo, se ĉi tiujn du, esence malsamajn demandojn la gvidantaj politikistoj prezentas kiel solan demandon. La du demandoj kompletigas sed neniam anstataŭas unu la alian.

Ĉiu bone ekvilibrata nacio havas sian privatan politikon kaj sian komunan, aŭ mondpolitikon, laŭ la kutima nomo: eksteran politikon. La privata politiko de Francujo hodiaŭ estas identa je ĝia mondpolitiko, kaj ĉi tiu fakto bone ilustras tiun senekvilibrecon, kiu ekzistas inter Francujo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo.

Estus tre malvasta perspektivo: apliki absolutajn politikajn kategoriojn en la vivdemandoj de la nacioj kaj la historio, uzata kiel atestanto, ĉiam trompis ĝis nun la homaron, tamen, ekzistas principoj, sen kies helpo ne estas imagebla la nova vivekvilibro de Eŭropo. Tia principo estas ekzemple, ke ekonomio kaj politiko ne kontraŭdiru unu la alian. Ĉar kiom valoras ĉiuj internaciaj paktoj kaj kontraktoj, se ilian efektivigon oni konfidas ne al la ekonomia politiko, sed al la politiko tradicie infektita per diplomatio. La politikon oni komprenis ĉiam kiel nacian politikon, same kiel Francujo komprenas nun la riparadon kiel francan riparadon. Hodiaŭ povas ekzisti nur sola riparado, la Eŭropa riparado, kiel sana faro de sanaj pensoj.

La milito estis kruela, sed ĝi enhavis ion grandiozan, potencan neadon de la morala leĝo, gigantan disvolviĝon de la luktoplena vivo de l' nacioj, pliintensiĝon de la sana vivo je febra malsano. La paco — en sia efemera egoismo — estas nur pludaŭro de la kverelo de l' malsanaj organismoj, kie ne plu agoj, nur apenaŭ tremetantaj, malsanaj pensoj montras siajn dentojn unu al la alia. La milito ne havas kulpulojn, kiel same ne havas kulpulon tio ke la maro ĉiujare englutas siajn ŝipetojn. Atribui la respondecon pri la milito nur al iu alia, kaj al ni mem ne — estas idente je tio, kiam la infano batas tiun sojlon, per kiu li faletis. Tion ni devus lerni fine, kiel ni povus transpaŝi la sojlon.

Je la paco oni devas *kredi*, por ke ĝi efektiviĝu; je tia „riparada" paco, kia ĝin kostumis la taga politiko, multaj ne kredas. Sed kiel oni povus kredi, kiam la ekonomiaj arterioj devas preni tian direkton, kia ne venas el la natureco de la vivkondiĉoj. La germana karbo, la angla karbo ne povas atingi la merkatojn plej konvenajn al si, la bonvaluta Ameriko sin mem malutilas en sia izoleco.

Se la sorto konfidis al iu nacio la direktadon de mondpartoj, ĉiu ĝia fakto havas en si grandan respondecon. Ĝi devas zorgi ne sole pri si mem, sed ankaŭ pri tiuj homgrupoj, kiuj estas ĝia ĉirkaŭaĵo. Jen la tasko de tiuj nacioj, al kiuj la Historio konfidis la postmilitan hegemonion. Unuavice Francujo, Anglujo kaj Usono estas tiuj ŝtatoj, en kies manoj la estonteco kaŝas sin. Kvankam hodiaŭ ne ekzistas nacio, kiu ne eksentis la nervofebratakon de la milito, tamen, la menciitaj ŝtatoj estas tiuj, kiuj havas la eblojn: krei ree normalan fluon de la internacia vivo, per la rekonstruo de la malnovaj ekonomiaj vojlinioj. La izolanta naciismo utilas al neniu ekonomio. Ĝi estas bona, ĝi estas postulo en la spirita kulturo, sed estas la plej granda peko, se ĝi fariĝas fundamento de la ekonomia politiko. La hodiaŭa internacia ekonomia politiko estas naciisma, do ĝin reĝas tiaj principoj, kiuj ne estas porteblaj trans la teritorio de unu lando. La riparado, kaj kun ĝi la ekonomia ekvilibriĝo de Eŭropo estas la afero de multaj landoj, kiu ne povas toleri la lokan koloron de la naciisme kolorita ekonomia politiko.

Hodiaŭ ni jam devas rekoni, ke la ekonomia vivintereso diktas por ni la unuecon de la homaro, ke la produktado kaj konsumado ordonas por ni kategoriajn imperativojn.

La ĉarma poezieco kaj limigo de nia individueco estas en tio, se la memor-saturita estinteco de nia ĉirkaŭaĵo devigas nin por amplena drono en transvivitaj pensoj, sed la suverena potenco de l' tempoj diktas al ni estantecon, kiu ne estas sufokiĝo en rememoroj sed sana elvivado de sanaj instinktoj. La naciismo estas bela poezio, sed la estanteco atendas la sciencon kaj praktikon de l' faroj, ĉar sole ĉi tio povas savi Eŭropon el tiu degenera disfalo kiun poste oni jam ne povos haltigi. Ĉiu popolo, kiu havas ankoraŭ vivenergiojn, devas senti, ke ĝi ne estas destinita nur por registri la historion. Hodiaŭ ĉiu popolo devas pensi sanajn pensojn por la sanaj agoj.

*Julio Werner* (Konstantinoplo).

---

**Korekto de la muzika aldono.** — En lasta momento ni ekvidis, ke la kanton de ĉi tiu numero la kopianto tute malkomprenis. Tamen la notoj estas uzeblaj kun jena klarigo:

Post ĉiu kvartakta solo-parto sekvas kvartakta ĥoro-parto skribita sub ĝi.

Por pli bone komprenebligi ni donas ĉi tie la tutan tekston, ellasante nur: „joeda" kaj „jo".

Mi vin konas sklava peno
Haililo, sklava peno.
Sklav-mizero, pen', toleroj
Haililo, pen', toleroj *
Min jam etan oni pelis al la labor'
Haililo, oni pelis al labor'.
Eta grundo sur kamparoj
Haililo sur kamparoj.
Ho ve mi eta id' de sklavo
Haililo, id' de sklavo.
Kian salajron oni jetas
Haililo, oni jetas
Kian donacon oni donas
Haililo, oni donas.
Nigra maro, ujo por trinki
Haililo, ujo por trinki.
Va ta ĉielo, tablo por manĝi
Haililo, ujo por manĝi ktp.

* Laŭ ripetota melodio de la unuaj du linioj.

ANONCOJ:
GRANDAJ LAŬ INTERKONSENTO!
MALGRANDAJ:
PO DU ENPRESOJ LA PREZO DE UNU NUMERO!
PAGO NEPRE ANTAŬE!




OKAZOS EN TALLINN 30. JUNIO — 2. JULIO

# ORIENTO!

TIE BALDAŬ OKAZOS UNIV. ESP. KONGRESO

Havigu al vi tuj la ampleksajn literatursciencajn verkojn, kun koloraj etnografiaj kartoj, en plej konciza Esp., laŭdataj de ĉiuj:

**LA BULGARA LANDO KAJ POPOLO,**
**LA PROKSIMA ORIENTO**

Ambaŭ kontraŭ: 1 dol., 5 sv. fr., 10 fr. fr., 25 ĉ. kr., 10.000 g. Mk. (laŭ la monvaluto de l'mendinto) sendas rekomendite la aŭtoro:

**IVAN KRESTANOFF**
DRESDEN—A. 16, WINTERGARTENSTR. 9



DUM LA KONGRESO NEPRE ĈEESTU LA
TEATRAN PREZENTADON
DE „LITERATURA MONDO"

# Könyves Kálmán
*r.-t.*

Fama eldonejo de reproduktaĵoj por artaj bildoj! Desegnaĵoj, pentraĵoj de mondfamaj artistoj! Rekomendas siajn eldonaĵojn Petu ilustritan prezaron kontraŭ 2 svisaj frankoj

*Budapest VI, Nagymező-utca 37—39*

# SENSACIO
## DE NIA LITERATURO

ESTAS LA DU LIBROJ JUS APERINTAJ:

JULIO BAGHY:

## PRETER LA VIVO

poemkolekto de la poeto

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| Numeritaj ekzempleroj ... ... ... ... ... | 5 sv. fr. |

*

ALEKSANDRO PETŐFI:

## JOHANO LA BRAVA

Popolfabelo en versoj
trad. K. de KALOCSAY

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| 50 numeritaj ekzempleroj kun 4 kvarkoloraj ilustraĵoj, po ... ... ... | 5 sv. fr. |
| 30 numeritaj ekzempleroj kun 8 kvarkoloraj ilustraĵoj, bindite ... ... | 10 sv. fr. |

*Sendu la abonprezon en naciaj bankbiletoj aŭ iel ajn al*
**„LITERATURA MONDO"**
BUDAPEST VI, ANDRÁSSY-UT 81 (HUNGARUJO)

# L'ÉCHO DU DANUBE

La plej granda ĉiutaga ĵurnalo franclingva en Centroriento Eŭropo estas

Ĉiutage, Politikaj artikoloj, mondekonomio, studoj, noveloj, arto, muziko, ktp. Speciala telegrafservo el Parizo

*

JARABONO: 100 FR. FRANKOJ

ĈEFREDAKTORO: F. DE GERANDO

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO:
**BUDAPEST, VIII, JÓZSEF-KÖRUT 5**

# ĈU VI VIDIS

JAM LA HUNGARAJN ARTBRODAĴOJN?



*

Kolorplenaj laboroj, taŭgaj donacobjektoj

*

Revendistoj serĉataj!

DEMANDU PREZON DE
**P. BALKÁNYI** BUDAPEST VI, HAJÓS-UTCA 15

